Driemaandelijks tijdschrift — Afgiftekantoor: Antwerpen X
Jarkolekto 28 — trimonata — ISSN 1013-2031

1/98

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

## Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj ILEI

**Redaktoro:** Jozefo NÉMETH

**Vicredaktoro:** Katalin SMIDÉLIUSZ

**Kunlaborantoj:** Stefan MacGILL, Johano KIRSCH, Françoise NOIREAU, Atilio ORELLANA ROJAS kaj Franz-Georg RÖSSLER

**Respondeca eldonanto (verantw. uitgever):** R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

IPR

**Redaktejo:** NÉMETH József
HU-8500 PÁPA, Kilián ltp. 75/9
☎ + 36-89-315-836, nlalt@konyvtar.c3.hu

**Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140,
BE-2000 Antwerpen, ☎ +32-3-234 34 00

## ENHAVO



## ESTRARO DE LA LIGO

**Prezidanto:** Prof. Duncan Charters, P.O.Box 148, Elsah, IL 62028-0148, Usono, tel. 1-618-374-2453, mesaĝoj 1-618-374-5252, fakso: 1-618-374-5465. Rete: charters@prin.edu. *Kunordigo, instruista trejnado.*

**Vicprezidanto**: Brunetto Casini, Casella Postale 213, IT-56100 Pisa, Italio tel. 39 50/48 670, fakso: 39 50/50 05 85. Rete: edistudio@sirius.pisa.it *Planado.*

**Sekretario:** Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio. Tel. (385 1) 37 45 052. Rete: mbelosev@public.srce.hr. *Landaj sekcioj, membro-varbado, rilatoj kun UEA kaj la movado, servoj al instruistoj.*

**Kasisto:** Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby. Tel. (46 415) 501 52. *Financo, konferencaj financoj. Membraro.*

**Vic-sekretario:** Prof. Zhang Danchen, North Area 14-dong, 34-hao, Huazhong Normal Univ., CN-430070 Wuhan, Ĉinio. Internet: dedhea@public.wh.hb.cn *Azia agado, ekzamenoj en Ĉinio kaj Azio.*

**Membro**: Mag. Atilio Orellana Rojas, Quartier de l' Ara, FR-84660 Maubec. *Konferencoj, ekzamenoj.*

**Membro**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende, Belgio, Tel. (32 59) 502708. *Eksteraj rilatoj.*

**Estrara komisiito:** Prof. Ronald J. Glossop, 8894 Berkay Ave., Jennings, MO 63136, Usono. Tel. (314) 869-2303. Rete: rglosso@siue.edu *Instruado de infanoj.*

**Estrara komisiito:** Zsuzsa Barcsay, Bem Rakpart 25/B, HU-1011 Budapest, Hungario. Tel. (36 1) 201-2342. *Gimnazio de ILEI.*

**Estrara komisiito:** Stefan MacGill, Fácán köz 9/2, HU-2030 Érd, Hungario. Tel. (36 23) 363-280. *Eldonado*

**Observanto** (UEA): Renée Triolle, 4 impasse des Charpentiers, FR-57100 Thionville, Francio

# Duncan Charters: **Novjara salutmesaĝo**

*Karaj kunlaborantoj,*

mi ĝojas raporti, ke dum la jaro 1997 ni povis konstati en ILEI daŭre laŭcelan laboron, kaj eksterajn kondiĉojn kiuj invitas nin prepariĝi por seriozaj antaŭenpaŝoj.

Interne de ILEI, fidela laboro de niaj estraranoj, komisiitoj, kaj redaktoro per konstanta informado sukcese akcelis nian kunlaboron por plifortigi niajn servojn al la membraro. La elekto de novaj estraranoj dum la 1998-a konferenco en Montpellier donos okazon enplekti en la laboron aliajn aktivulojn. En la lastaj jaroj retkomunikado multe faciligis aspektojn de la laboro, kaj ĉi-jare realiĝos la planoj por TTT-ejo de ILEI kiu povos tuj disponigi bezonatajn informojn por la diversaj projektoj de niaj aktivuloj.

Ĵusa raporto de la usona televida novajservo CNN reliefigis la fakton ke malgraŭ la forta pozicio de la angla lingvo, Esperanto estas serioza propono por solvi la lingvan babelon en la Eŭropa Unio (nun dekunulingva), kiu neniel intencas ŝanĝi sian politikon de multlingveco favore al la denaskaj parolantoj de unu el la naciaj lingvoj. La enkonduko de Esperanto en la elementajn lernejojn havas klare raciajn avantaĝojn: la valoro de transnacia komunikado kun samaĝaj infanoj jam en la unua lernojaro, psikologia kaj lingva preparo por plurlingveco kiam tio respondas al la politikaj celoj de la eduksistemo, relative rapida trejnado de instruistoj jam spertaj pri la bezonoj de la lernantoj en la celataj lernejoj. Retligoj povas subteni la plispertiĝon de la instruistoj mem, aparte se tiuj estas izolitaj, kaj faciligi pedagogian apogon kaj daŭran ellernadon de la lingvo per programoj por malĉeesta instruado.

Esenca elemento en la laborplanoj de ILEI estis kaj restas precize la preparo de instruistoj de la lingvo. Pro la graveco de tiu agado por la celoj de ILEI kaj la Kampanjo 2000, ni konstatas la neceson de ekstera financa apogo por ebligi trejnadon de ĉiuj kiuj havas la eblecon aktive kunlabori en lernejaj programoj kaj instruprojektoj. Treege gravas la preparo de aktualaj gvidmaterialoj (presitaj kaj videaj). Tiaj tamen ne povas anstataŭi rektan trejnadon, kaj ĉi-jare ni profitas la gastigemon de la francoj kaj aparte la bonvolan kunlaboremon de la komitato de Kastelo Grezijono por organizi dusemajnan seminarion inter la 20-a kaj la 31-a de aŭgusto. Ni kuraĝigas niajn sekciojn identigi taŭgajn kandidatojn.
Aliĝilojn oni povas jam peti de Grezijono mem, kaj informo-petojn aŭ enketojn pri eventualaj stipendioj oni direktu al mi, por ke ni konstatu la bezonojn.

La unua semajno de la seminario, kiun

gvidos mi mem kunlabore kun la cetera programo de la Kulturdomo, celos doni unuavice teorian bazon por diversaj efikaj aliroj al aktiva komunika instruado de la lingvo. La partoprenantoj ricevos novajn instrumaterialojn pri la teorio kaj praktiko de la metodoj uzataj. Tiujn oni praktike demonstros per videaj materialoj kaj ĉiutagaj modelaj lecionoj por ĉeestantaj bazlernantoj de la lingvo, en kies trejnado povos partopreni la seminarianoj. La dua semajno (al kiu jam spertaj instruantoj de la lingvo povos aliĝi aparte sen la antaŭa) konstruos sur tiu bazo per la diskuto de praktikaj detaloj rilate la enkondukon de E-o en lernejoprogramon, efika elekto kaj uzo de lernomaterialoj, lecionplanado, kreo de praktikaj ekzercoj por aŭskultokompreno, parolado, legado, kaj skribado, akiro de gramatiko kaj interkultura kompreno. Ni ĝojas, ke povos aliĝi al tiu dua semajno kiel kungvidanto dr. Katalin Smidéliusz, jam internacie konata pro sia efika instrutrejna laboro.

Bonan kaj ĝojan laboron dum 1998, kaj ni preparu nin por plene profiti niajn franclandajn somerarangôjn!

*Prof. Duncan Charters,*
*prezidanto de ILEI*



*Plua plifirmiĝo ĉe Unesko*

## UEA en NRO-konsilio, ILEI en operaciaj rilatoj

La aktiviĝo de la Unesko-agado de UEA portis pliajn fruktojn en la konferenco de neregistaraj organizaĵoj (NRO-j) la 21-an de novembro en la sidejo de Unesko en Parizo. Ĝi estis la unua post la formala kompletigo de la NRO-reformo. Ĝenerala direktoro Federico Mayor alparolis la konferencon, emfazante la rolon de NRO-j kiel ponto inter Unesko kaj ordinaraj civitanoj. Li precipe alvokis NRO-jn al konkreta agado kadre de la Unesko-programo de packulturo.

La delegacio de UEA konsistis el vicprezidantino Renée Triolle, ĝenerala direktoro Osmo Buller kaj la konstanta Unesko-reprezentanto, d-rino Barbara Despiney.

Ili tamen ne estis la sola esperantista delegacio. Nome, lastmomente **antaŭ la konferenco venis la ĝojiga informo, ke male al sia antaŭa decido Unesko asignis la statuson de operaciaj rilatoj ankaŭ al ILEI.** Sekve ILEI rajtis partopreni en la konferenco, kie ĝin reprezentis d-ro Francois Lo Jacomo.

Post la reformo 16 organizaĵoj (i.a. Internacia Asocio de Universitatoj, ĉe kiu UEA lobias por la aliĝpeto de AIS) estas en asociaj rilatoj kun Unesko, dum 63 (i.a. Internacia PEN) havas konsultajn kaj 165 operaciajn rilatojn.

Krome, 111 organizaĵoj ricevis operacian statuson por unujara provperiodo. Malpli ol duono el la NRO-j, kiuj antaŭe havis oficialajn ligojn kun Unesko, trairis sukcese la NRO-reformon.

UEA kaj ILEI rajtas gratuli sin pri sia atingo, ne forgesante, ke ĝia konservo postulas daŭran aktivadon. Ĉar krome TEJO rekte rilatas kun la Junulara Fako de Unesko, tiu aktivado plej efike realiĝos per kunordigita sektora agado: UEA ĉefe okupiĝos ĉe Unesko pri komunikado kaj kulturo, ILEI pri edukado kaj TEJO pri junularaj aferoj.

La reordigo de la kunlaboro inter Unesko kaj la NRO-komunumo multrilate ne estas preta kaj multe da malklareco restas. Por helpi klarigi la situacion ĝis la sekva NRO-konferenco fine de 1998 la ĉi-foja konferenco elektis reprezentajn organojn de la NRO-komunumo: Kontaktkomitaton el dudeko da NRO-j kaj Konsilion el kvardeko da NRO-j. Ilia taskaro estas ankoraŭ iom nebula, sed la unua kunveno de la Konsilio komence de decembro supozeble kreos ian klarecon.

UEA fariĝis membro de la Konsilio, kio atestas pri prestiĝo, kiun UEA jam tradicie ĝuas en la NRO-komunumo, kaj metas ĝin en avanan pozicion en la nuna transira periodo.

*Osmo Buller*
*(El Interredaktore)*

## Reagoj

### Necesas iom pli por digne rememori pri Szerdahelyi

En Eventoj n-ro 130 kaj en IPR 3/97 aperis "rememoro kaj ĝustigo" de Ilona Koutny. La ĝustigo evidente rilatis, tute prave, al supraĵa artikolo de d-rino Varga-Haszonits en "Eventoj" n-ro 120.

Mi tamen havas la impreson, ke ĝis nun neniu vere serioze okupiĝis pri la spirita kaj fizika (= manuskripta) heredaĵoj de Szerdahelyi. Kaj mi ne kapablis ekscii la verajn kialojn. Kompreneble, la okupiĝo pri la postlasaĵoj de Szerdahelyi estas unuavice afero de la hungaraj kolegoj, ne laste de liaj disĉiploj. Tamen permesu al mi kelkajn rimarkojn pri la temo:

1. Dum la lasta esperantologia konferenco en ELTE-universitato (17/18.4.97), kiun mi partoprenis, doniĝintus la ebleco, okaze de la jubileo, serioze prezenti la grandan sciencan kaj pedagogian verkon de Szerdahelyi. Oni tion ne faris kaj prezentis nur embarasajn banalaĵojn.

2. Okaze de la 60-a naskiĝtago de prof. Szerdahelyi (1984) liaj disĉiploj kaj asistantoj volis redakti festlibron. Pasis 13 jaroj. La festlibro ĝis hodiaŭ ne aperis.

3. Ĝis hodiaŭ nenie estas publikigita la kompleta bibliografio de la verkoj de Szerdahelyi. Liaj posteuloj el

Budapest iam petis min por helpi ĉirilate (kio en si mem ja estas iom stranga). Mi volonte sendis mian ampleksan liston. Nenio okazis...

4. Ilona Koutny mencias, ke ekzistas E-a versio de lia hungarlingva libro "Bábeltől a világnyelvig". Jes, tion mi aŭdis rekte de li. Laŭdire ĝi estas pli ol 1000-paĝa kaj, jes, evidente "ŝimas ĉe iu E-eldonejo". Do, Ilona Koutny ŝajne ne scias, pri kiu eldonejo temas. Mi ne povas ĵuri, sed, se mi bone memoras informon ricevitan siatempe de Szerdahelyi, la eldonejo estas "Fonto" en Brazilo. Kial neniu el liaj disĉiploj okupiĝas pri la sorto de la manuskripto, ankaŭ nuntempe inda je eldono ?

5. Kiam Edward Symoens redaktis la bonegan bibliografion pri interlingvistikaj disertacioj, li ne sukcesis ricevi kompletan liston kun la petitaj donitaĵoj pri ĉiuj defenditaj diplomlaborajoj. Laŭdire temas pri ĉ. 100. La du asistantinoj de la E-fako ne kapablis kompili la petitan liston. Ĉu vere oni ne zorge konservis la materialojn?

6. Estas konate, ke Szerdahelyi antaŭ sia neatendita forpaso estis preskaŭ fininta sian hungarlingvan kandidatigan disertacion pri interlingvistika temo. Oni devas scii, ke laŭ la hungara sistemo ekzistas tri doktoraj gradoj, malsame al, ekzemple, la germana sistemo. Substrekante ke mi neniel trotaksas la diversajn titolojn, ĉu doktorajn aŭ aliajn, mi scias, ke lia doktoreco estis la unua grado, aŭtomate ricevata post fino de juraj studoj. Kvankam li ankaŭ studis lingvistikon, li ne havis lingvistikan doktorecon. Por kompensi tiun aferon kaj ĉar oni tion eble postulis flanke de la universitato, li - supersaltante la unuan - ja preparis la duan doktorecon pri lingvistiko, t. e. la "kandidato de sciencoj" (iom laŭ la iama sovetia sistemo). La disertacion li ne finis. Verŝajne tiaĵo nur necesis pro hierarki-formalaj kialoj en la universitato, ĉar lia scienca kompetenteco estis nepridubebla kaj la listo de liaj verkoj sufiĉe longa. Oni ja tute merite nomumis lin "docento" ankaŭ sen tiu laboraĵo. Verŝajne li tamen volis plenumi tiun kutimaĵon. (La tria titolo estus la "doktoro de sciencoj", komparebla kun la hungara "d-ro sc." – simile ankaŭ ekde 1975 en GDR – kaj "d-ro habil.")

Kie nun troviĝas lia nefinita manuskripto? Kial oni ne eldonas ĝin, eĉ se nur fragmente ?

7. Kaj fine, mi ĝis hodiaŭ ne komprenas, kiel eblis maldungi la kapablan Ilona Koutny... Ĉu tio okazis en la "spirito" de Szerdahelyi? Mi dubas.

*Detlev Blanke*

## Aldonaĵoj pri la verkaro de Szerdahelyi

Antaŭ 25 jaroj, en 1972, aperis la unua universitata "konspekto", praktike universitata lernolibro de *István Szerdahelyi*, kun la titolo: *Eszperantó. Bevezetés és nyelvgyakorlatok (Esperanto. Enkonduko kaj ekzercoj).* Liaj porinfanaj lernolibroj (Esperanto 1, 2) jam estis aperintaj kaj uzataj – uzataj eĉ en la universitato, provizore. Lia

unua universitata lernolibro, kiel similaj universitataj helpiloj, aperis kun surskribo “manuskripto”; efektive ĝi estas presita lernolibro (307 p.). Ankaŭ liaj postaj lernolibroj, estas presitaj, (ankaŭ la plimulto nuna de alies lernolibroj estas presataj) kiel strangaj manuskript-umoj. Kiel konate, post 1972, tra jaroj aperadis – laŭ similaj juraj kaj teknikaj kondiĉoj – divers-subfakaj lernolibroj de *Szerdahelyi*; inter ili aperis liaj krestomatioj, lernolibroj de metodologio, interlingvistiko; artikolaroj.
Lia baza ideo estis, ke per verkado, igado verki kaj eldonebligo li prezentos serion, sur kiu li aŭ liaj kolegoj-posteuloj povos konstrui la tuton de la instru-laboro.
*Szerdahelyi* elektis kiel moton de la lernolibro frazojn de Bárczi Géza:
*“Estus infanece pruvadi kaj elstarigi valorojn de iu ajn lingvo per malŝatigo de la aliaj. Estus infanece kaj false. Ni volas diri ne tion, ke iu lingvo valoras pli, ol alia: nur tion, ke ĝi estas alia. Kaj tiu alieco faras ĝin valora koloro en la bunta bildo de la homa kulturo”. (G. Bárczi: Biografio de la Hungara lingvo.*)
*Szerdahelyi* volis en sia libro kaj doni praktikan kursmaterialon por komencantoj, kaj doni sistemajn morfologion kaj sintakson, eĉ se ne plenajn. Krome li iom detale prezentis la dokumentojn de la lingvo. Li strebis en la teoriaj partoj de la libro al stilo scienca. La gestudentoj ne povis eviti fruan ekkonon de *Fundamento de Esperanto* – Szerdahelyi en precizema Hungara



lingvaĵo prezentis ĝin jam en la unuaj du ĉapitroj de la libro.
La dua parto de la lernolibro, kiel aludite, havas karakteron de kursolibro por komencantoj. Tamen, estas menciinde, ke en ĉiu aparta leciono, post enkondukaj kaj ĉefaj tekstoj, dialogoj, ekzercoj sekvis literaturaĵoj – simplaj, fragmentaj aŭ almenaŭ: relative mallongaj.

Lia dua universitata lernolibro estas: *Metodologio de Esperanto* (Budapeŝto, 1975, 375 p.). Neniu pensu, ke la vorto metodologio estas uzita hazarde. Szerdahelyi zorge distingadis metodon, metodikon kaj metodologion. Metodologio estas metateorio, komparanta kaj analizanta metodikojn ekkoni aŭ instrui lingvojn.
Tiel *István Szerdahelyi* traktas kaj

lingvistikajn skolojn (kiuj ja estas specialaj metodaroj ekkoni lingvon) kaj historion kaj samepokan staton de lingvoinstruado. Sed li prezentas ankaŭ la ĝistiaman historion de la e-istaj strebadoj instrui E-on. Li apartigas konstruadon de instrumaterialo unuflanke kaj instruadon, edukadon aliflanke. Li distingas kaj pritraktas diversajn ŝtupojn de lingvoinstruado. Ni, tiutempaj Hungaraj gestudentoj ne estis vidintaj simile multflankajn lernolibrojn pri metodologio en aliaj (Hungara, fremdaj) lingvoj.

Li verkis ankaŭ aliajn lernilojn – antaŭ kaj post la jaro 1972-a:
– *Esperanto 1. Eszperantó nyelvkönyv 10-14 éves korúak számára.* Tankönyvkiadó, Budapest 1965, 213 p.
– *Lingvo Internacia 2. Daŭriga kurso.* Tankönyvkiadó, Budapest 1968, 227 p. (La du supraj titoloj estas de lernolibroj por infanoj, sed Szerdahelyi uzis ilin ankaŭ en enkondukaj kursoj de E-o en la Budapeŝta Universitato ELTE ĝis la apero de *Eszperantó. Bevezetés és nyelvgyakorlatok.* Laŭ mia subjektiva juĝo li pli bone uzis siajn porinfanajn lernolibrojn ol la unuan universitatan lernilon.)

Ekde 1972 aperadis liaj universitataj lerniloj:
– *Eszperantó. Bevezetés és nyelvgyakorlatok.* Kézirat. Tankönyvkiadó, Budapest, 1972, 307 p.
– *Metodologio de Esperanto.* Kézirat. Tankönyvkiadó, Budapest,1975, 377 p.
– *Krestomatio de Esperanta Literaturo. Tekstoj, dataro, bibliografio.* Kézirat. Tankönyvkiadó, Budapest, 1979. 466 p. Kunlaborantoj: Abonyi Nagy Árpád, Benczik Vilmos, Máthé Árpád, Varga-Haszonits Zsuzsa (Krestomatio II, III aperis : ĝis 1982).
– *Bevezetés az interlingvisztikába. Történeti vázlat és forrástanulmány.* Kézirat. Tankönyvkiadó, Budapest, 1980. 290 p. (*Enkonduko en la interlingvistikon. Historia skizo kaj fontesploro.* Manuskripto (=interna presita lernilo universitata).
– *Krestomatio de Esperanta Literaturo. Volumo 3.* Kézirat. Tankönyvkiadó, Budapest, 1982. 476 p. Ĉefkunlaboranto: Révész Sándor. Kunlaborantoj: Abonyi Árpád kaj Ehmann Beáta.

Szerdahelyi konsideris la krestomatiojn krudmaterialo por plua laboro, instigonta trovi la mankantajn indikojn pri la verkoj prezentitaj; li sciis, ke ili ne estas perfektaj. Ĉiuokaze, en ili aperis multege da tekstoj kaj indikoj, kiujn plej simple oni trovas ja ĉi tie. Menciende, la tria (476-paĝa) volumo kostis 30 HUF, proksimume kiel (unu) peco da negranda ĉokolado aŭ duona trambileto nun. (Iom similajn laborojn plenumis pli-malpli paralele, sed multe pli selekteme, belformeme kaj malpli-amplekse (ŝajnas al mi) *Vilhelmo Benczik* kunlaborinta komence ankaŭ kun *Szerdahelyi.*)

Li gvidis ankaŭ la preparojn de la tri volumoj de *Esperantologiaj kajeroj.* Ankaŭ tiun laboron li vidis kiel preparlaboron por farotaj lerniloj.

Erarojn de la kontribuintoj kaj eble ankaŭ de li oni rajte kritikadis. Malgraŭ tio *Esperantologiaj kajeroj* konservis utiligindaĵojn. En la unua volumo li mem multe kontribuis pri morfemiko kaj etimologio. En la dua volumo, redaktita de Zsuzsanna Varga-Haszonits, (1977, pp. 273) la ĉeftemoj estas metodologio kaj interlingvistiko. En ĉi tiu volumo, tuj post la antaŭparolo, sekvas prezento de la fako (verkita de Zsuzsanna Varga-Haszonits), kun titolo: *Dekjara historio de la Esperanto-fako* (pp. 7-30). Poste sekvas la *Studprogramo de la Esperanto-fako* (tradukita de Ilona Koutny). La tria volumo, redaktita de Eva Soós kaj Beata Ehmann (Budapest, 1977, 375 p.) prezentas la E-lingvajn kaj pri-Esperantajn verkojn de Géza Bárczi (1894 – 1975).

Mi bedaŭras, ke homoj, de kiuj – senpere aŭ pere – mi lernadis en mia vivo (ekz. István Szerdahelyi, Kolomano Kalocsay, Alfonso Pechan), same organizoj, edukejoj e-istaj, en kiuj ili laboris, preskaŭ ĉiam (aŭ eble nur: de tempo al tempo) konfliktadis inter si. Se tio ilin ne sufiĉe malhelpis labori, min tio ne malhelpas lerni de ili.

En la jaro 1977-a, do antaŭ pli-malpli 20 jaroj aperis Hungarlingva libro de István Szerdahelyi: Bábeltől a világnyelvig (De Babelo ĝis la mondolingvo (Eldonejo Gondolat, 414+2 p.). Kelkaj el la titoloj kaj subtitoloj de ĉapitroj: *La unuaj transnaciaj lingvoj de la antikvo. Dulingveco dum feŭdismo. La Angla piĝino. Plan-piĝinoj. Fikciaj lingvoj. La ideo de la universala lingvo en la 15-18-a jarcentoj. Gestolingvoj. Grafikaj signosistemoj. Mallonga gramatiko de Volapuko. Homogenaj kaj heterogenaj lingvoprojektoj. La ekesto de Esperanto. Zonaj kaj intersistemaj lingvoprojektoj. Hungara problemo. Ĉu dulingvismo, trilingvismo?*

Pluraj temoj, tiutempe neglektataj, nun furoras kaj alportas popularecon al esploristoj. Krom laŭdindaj esceptoj en la sfero esperantista – Blanke, Barandovska, Koutny, Golden, Silfer k.a. en E-o, Varga-Haszonits precipe (sed ne nur) en la lingvo Hungara –, tre malmultaj referencas je Szerdahelyi. Nova Hungara konsultlibro pri *socio kaj lingvouzo* de Jenő Kiss (Társadalom és nyelvhasználat, Szociolingvisztikai alapfogalmak, Budapest, 1995) en sia bibliografio havas unu el la (aplikatlingvistikaj) universitataj lerniloj redaktitaj de Szerdahelyi (Alkalmazott nyelvészeti alapfogalmak 1989), sed – malgraŭ la ĉapitroj pri dulingveco, piĝinoj kaj eĉ E-o, li ne mencias/citas/enbibliografiigas *De Babelo ĝis la mondolingvo* aŭ aliajn verkojn de Szerdahelyi. Tion mi komprenas pro la vasteco de la temaro de Kiss kaj de la fakliteraturo, sed bedaŭras laŭ pluraj aliaj vidpunktoj. Aliflanke mi trovas novaĵo laŭdinda, ke Kiss entute traktas E-on kaj, ke li ja apogas sin je kelkaj verkoj pri E-o (inter ili, kiel dirite, pri unu de István Szerdahelyi).

Certe, por malhelpi tioman nekonon de Szerdahelyi, ankaŭ mi devus esti

provinta pli konatigi lin (kaj aliajn interlingvistojn) en la medio de lingvistoj Hungaraj. Ja nek mi, nek iu ajn alia el ni povas, provizore, esperi, ke niaj kolegoj – ne-esperantistoj propra-iniciate venos al la fontoj e-istaj.

*Blazio Vaha, wacha@ny01.nytud.hu*

## Lingvistika konferenco omaĝe al Szerdahelyi

*[NdlR – En la lasta numero de IPR (p. 31.) vi povis legi alvokon de la aprila lingvistika konferenco en Szombathely (Hungario). Nun ni informas vin pri la preparaj laboroj.]*

Danke al la alvokoj kaj personaj kontaktoj pluraj samideanoj aliĝis jam al la konferenco. Prelegos interalie *Detlev Blanke, Otto Prytz, Herbert Mayer, Heiner Eichner, Ilona Koutny, Alicja Sakaguĉi, Blazio Wacha, Giorgio Silfer, László Molnár.*

Laŭ la iniciato de la prelegontoj duontago de la laboro de la Esperanto-logia sekcio estos dediĉita al la memoro de profesoro *Szerdahelyi* kies nomo kaj agado estas konata ankaŭ inter la ne-esperantista partoprenantaro de la hungaria konferenco de aplikata lingvistiko.

Espereble pluraj lingvistoj ĉeestos la prelegojn pri interlingvistiko kaj pri prof. *Szerdahelyi* aŭ almenaŭ povos legi ilin en la eldonota konferenca materialo. Ni do ne perdis la eblon rekonigi esperantologion.

*dr. Katalin Smidéliusz*

## Scienca edukado en Esperanto
## IKU, AIS kaj AISIKU

Simile al la unika rolo de la fenomeno Esperanto en la soci-kulturo de lingvoj, la universitat-nivela instruado de sciencaj temoj en E-o povas havi unikan rolon en la scienca kaj eduka mondo.

La rolo de E-o en la scienco kaj en universitata instruado iom paralelas al ĝia rolo en la pli ĝenerala lingva problemo tutmonda. La nuntempa scienca kaj akademia mondo pli kaj pli uzas la anglan kiel laborlingvon kaj por internaciaj kaj ofte ankaŭ naciaj aranĝoj. Tio tamen ofte malhelpas la progreson de la scienco, kiu bezonas la liberan interŝanĝon de scioj kaj spertoj sur la persona nivelo. Sciencistoj el ne-angla-parolantaj landoj ofte spertas la lingvajn barojn kiam ili provas raporti pri sia esploro en internaciaj forumoj. Kontraŭe, universitata instruado kutime okazas en la nacia lingvo, kaj ekzistas do lingva breĉo inter la instrua kaj labora-konferenca nivelo. Tiujn malavantaĝojn povas solvi E-o kiel internacia komunika lingvo.

### IKU kaj AIS

Sur la tereno de scienca edukado en E-o elstariĝas du institucioj kiuj regule okazigas kursojn kaj prelegojn universitat-nivelajn: la Internacia Kongresa Universitato kaj la Akademio

Internacia de la Sciencoj. La Internacia Kongresa Universitato (IKU) kiel unu el la plej famaj kaj longdaŭraj institucioj en la E-o komunumo, regule okazigas universitat-nivelajn prelegojn. Ĉiujare ĝi ofertas al centoj da aŭskultantoj kadre de la Universala Kongreso ĉirkaŭ dek prelegojn de spertuloj, akademianoj en siaj fakoj, pri tre diversaj temoj, variantaj de astronomio ĝis ekonomio, de komputiko ĝis literaturo. Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS) estas fakte la sola Esperanto-Universitato. Ĝi funkcias kiel internacia migranta universitato, kiu okazigas sciencajn sesiojn en diversaj landoj, kaj disdonas akademiajn diplomojn kiuj estas oficiale rekonataj en pluraj landoj.

**AISIKU**

En la UK en Tampere (1995) la du institucioj unuafoje kombinis siajn programojn al komuna sesio, la tiel nomata AISIKU-kursoj, kiam du ok-horaj AIS-kursoj aldoniĝis al la kutima programo de la IKU. La unua prelego de la du kursoj okazis kadre de IKU, kaj kongresanoj povis partopreni la ceteran kurson kaj eĉ ekzameniĝi kaj ricevi ateston de AIS - kion trideko da kongresanoj efektive faris. Tiu formulo, kiu kombinas la popularecon de la IKU-prelegoj kun la alta nivelo de la AIS-sesio montriĝis tre sukcesa kaj en Prago ripetiĝis tiu modelo. Tiufoje oni eĉ kombinis la inaŭgurojn de IKU kaj de la AIS-sesio. La komunaj AISIKU-aranĝoj ricevis formalan kadron per kontrakto inter UEA kaj AIS kiun la senato de AIS subkribis en sia septembra kunsido en Rimini.

**IKU broŝuro de Adelaido**

Ĉar en Adelaido ne okazis AIS-sesio, IKU okazis en la antaŭa formo, sed tamen okazis novaĵo: la tekstoj de la IKU-prelegoj estis haveblaj jam antaŭ la prelegoj en belaspekta broŝuro. Ĝi estis akirebla de ĉiuj kongresanoj (ne nur al la partoprenantoj de la IKU) en la Libroservo. Per tiu eksperimenta eldono de la tekstoj UEA provas sekvi la kutimon de pluraj internaciaj sciencaj konferencoj (kaj ankaŭ en ordinaraj universitataj kursoj) kie la tekstoj de la prelegoj estas haveblaj dum la konferenco, antaŭ la prelegoj. Tio ebligis al la aŭskultantoj prepariĝi kaj pli bone sekvi la prelegojn, kaj al la kongresanoj kiuj ne povis viziti ĉiujn prelegojn tamen konatiĝi kun la enhavo. Dum la kongreso vendiĝis ĉirkaŭ cento da IKU-broŝuroj, sed kelkaj ankoraŭ restas kaj estas mendeblaj en la libroservo, kun la tekstoj de ĉiuj prelegoj (ankaŭ tiuj prelegoj kies tekstoj ne aperis en la broŝuro), por la simbola prezo de 5 NLG.

UEA planas aperigi ankaŭ la tekstojn de la IKU-prelegoj broŝurforme, kio garantios la aperon de la tekstoj kaj provizos regulan dokumentadon por la IKU.

**AISIKU Montpellier**

Ĉi-jare UEA klopodos prijûĝi la IKU-prelego-proponojn pli frue ol en antaŭaj jaroj, kaj por povi pli bone

elekti, kaj por havi pli da eblecoj por AISIKU-kursoj. Viajn proponojn por IKU-prelegoj sendu tuj al la komisiito, prof. Michael Maizen, indiku, ĉu vi povas prezenti ankaŭ pli ampleksan temon, en formo de 3-4 prelegoj, kadre de AISIKU.

*Amri Wandel, estrarano pri faka kaj scienca agado de UEA*

# El la landoj kaj sekcioj

## Albanio

**E-kursoj en Albanio**

En *Tirane*, en la suburbo *Kamez* funkcias lernokurso, gvidata de Saimir Begollari, kun partopreno de sep gejunuloj, 15-18 jaraĝaj.

Ĉe teknologia mezlernejo havas grupon de 20 gelernantoj Bardhyl Selimi Mezini.

En *Kukes* gvidas grupon de kvin 18-jaraj gejunuloj Nehat Sokoli. Tri el ili intencas partopreni la septembran Studumon en Bydgoszcz.

En *Vlore* komencas kurson s-ino Martha Otto, Bahaa volontulo el Germanio/ Usono. Ŝiaj gelernantoj lernos samtempe ankaŭ aliajn fremdajn lingvojn.

En *Albasan* promesis ekstarigi similan lernokurson s-ro Blerim Zhugli kun gestudentoj de la tiea universitato.

En *Blindula Instituto* instruas E-on la direktoro, Zamir Kabashi al kelkaj knabinoj.

*Laŭ informoj de Bardhyl Selimi Mezini*

## Argentino

**Interlanda Konferenco pri Instruado (IKI)**

De la 9-a ĝis la 12-a de oktobro 1997 okazis en Buenos Aires la *5-a IKI* kaj paralele al ĝi la *51-a Argentina E-Kongreso*.

La eventon ĉeestis 47 personoj el 3 landoj (Argentino, Brazilo kaj Urugvajo) kaj ĝi funkciis kiel vera forumo por interligi la agadon por E-o inter tiuj 3 landoj. Gravas emfazi, ke la Ministerio pri Kulturaj Aferoj apogis la Konferencon aŭspiciante ĝin, kio permesis ties okazigon en la sidejo de la Argentina Parlamento.

La programo de IKI interplektiĝis surbaze de la konferenca temo *Edukado, informado, aplikado: bazoj por Esperanto en la tria jarmilo* kaj pri ĝi okazis laborkunsidoj. Ankaŭ efektiviĝis sesio de la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA kaj ĝin ĉeestis 5 kandidatoj en la elementa nivelo, el kiuj sukcesis 4.

*D-ro Werner Schad* prezentis sian enkondukan kurson de E-o konata kiel "cent-minuta kurso", ĉar en la daŭro de 100 minutoj li klarigas nacilingve la bazajn trajtojn de la lingvo kaj per tio la lernanto kapablas legi kaj konstrui elementajn frazojn je la fino.

La planado de strategioj por eniri la ekster-esperantan komunumon kaj la fortan ligon de tio al la instruado estis bazoj de diskuto kaj ronda tablo.

La sekva IKI realiĝos en 1999 en Florianóplis (Brazilo).

*Mag. Atilio Orellana Rojas*

## Aŭstrio

**Sukcesa varbado en universitatoj**

Ekde junio 1997 dumil varbiloj disdoniĝis en diversaj universitatoj en Vieno kaj Graz (Graco). Respondis ĝis mezo de oktobro 23 interesitoj, ĉefe studentoj, kiuj mendis per poŝtkarto aŭ telefono la broŝurojn *Esperanto als Ratespaß* (Esperanto kiel diven-amuzo), kiu eldoniĝis de la Esperanto-Junularo Heidelberg (Germanio). *Walter Klag, Vieno*

## Brazilo

Fine de junio, la 92 lokoj de la E-kursoj anoncitaj ĉe la Interlerneja Lingvo-Centro de la Eduka Centro Blanka Elefanto montriĝis nesufiĉaj por la 239 interesatoj. 12 lokoj estis fine donataj al instruistoj emaj al plu-kleriĝo.

La Akademio de Civila Polico de la Federacia Distrikto proponas - pionire inter la policaj institucioj de Brazilo - 134-horan E-kurson inter aŭgusto 1997 kaj junio 1998.

*Laŭ "Gazeta Academica", n-ro 7 (jun-aŭg. 1997)*

## Britio

**Urso-Kurso**

Ĝi estas nova iniciato, kiu celas anglalingvajn, precipe ne-esperantistajn gepatrojn kun infanoj 6- ĝis 10-jaraĝaj, sed ĝin povas utiligi ankaŭ E-instruistoj. La kurso prezentas E-on, kiel ilon, kiel propedeŭtikan lingvon, kaj ĝi enhavas listojn, kiuj ligas la vortojn kun tiuj en diversaj lingvoj. Gramatika libreto, akompana al la kvara parto, utiligas la regulecon de la E-gramatiko por helpi komprenigi la komplikaĵojn de la angla gramatiko. La lernantoj ricevos informojn ankaŭ pri la E-kulturo. Oni ne trudas E-on kiel lingvon al la gepatroj kaj infanoj, sed lasas ĝin mem sorĉi ilin.

La projekto nun ampleksas tutan aron da helpmaterialoj. Reto de kursgvidantoj korektos la kompletigitajn libretojn, tuj kiam la lernantoj resendos ilin. Ludoj kaj enigmoj estas integraj partoj de la kurso, same kiel premietoj, kiuj



havas Esperantan signifon.
La kurso utiligas vortojn el la baza vortlisto de *Juna Amiko*. Tri partojn de la kurso akompanas "*aktivigaj kartoj*", kiuj rilatigas ĉiun lecionon al korespondaj partoj de *Mil Unuaj Vortoj*. Menciataj estas *Mazi*, *Infanoj ĉirkaŭ la mondo* kaj *Ek!*, porinfana klubo de Elizabeth Stanley.
Kurso-materialoj:
1) Senpaga enkonduka pakaĵo, sendota al junaj informpetantoj (kun E-globkrajono, letero, kolora faldfolio kun mendilo, enkonduka libreto por gepatroj)
2) – kvar koloraj porinfanaj kajeroj (ĉ. 36-paĝaj) kun klarigoj, ekzercfolioj ktp.,
– tri apartaj libretoj por gepatroj, instruistoj kun notoj, ludoj, taskofolioj, vortlistoj kaj aktivigaj kartoj,
– kvar sonkasedoj kun ĉiuj vortoj, dialogoj, kantoj, gramatika libreto,
– gramatika libreto akompananta la kvaran parton,
– kvar premietoj, kiuj akompanas la korektitajn kajerojn.

La aŭtoroj ellaboris skemon por la financado. Ankaŭ ETA mem subvencias la agadon, krome oni disvendas la verdan globkrajonon kaj la kartludon *Ursa Familio [vd. ĝin, ĉe la rubriko "Recenzoj" - NdlR]* sed tio ne sufiĉas. Eble anoj de ILEI mem povas helpi finance aŭ scias pri aliaj helpofontoj. Oni danke ricevos ĉiujn proponojn.
Skribu al la respondeculoj: *Anĝela Tellier kaj Malcolm Jones, Esperanto Teachers' Association, 140, Holland Park Avenue, London W11 4UF, Britio*

## Francio

**31-a Internacia Infana Kongreseto, Sommieres - Francio, 1-8 aŭgusto 1998**
Kontaktu la organizanton: Christopher Fettes, St. Columba's College, Dublin 16, Irlanda Respubliko.
Telefono (kun respondilo): +353-1493-1984. Telefakso: +353-1493-6655.

### "La krokodileto"

Aperis la unua (pli precize nula) numero de nova sezona gazeto por la plej junaj e-istoj, kun titolo "*La krokodileto*". Ĝin eldonas JEFO (Junulara Esperantista Franca Organizo - Espéranto-Jeunes). Laŭ la intenco de la redaktoro, Catherine Giangrossi, *La krokodileto* estos internaciema gazeto por infanoj el multaj landoj. Ĝi prezentos pri-Esperantajn aferojn, kiuj povos interesi infanojn, sed ĝi raportos al la infanoj ankaŭ pri temoj, kiuj rilatas ne nur al la E-movado.
La redaktoro atendas viajn ideojn, sugestojn, se vi volas partopreni kelkfoje aŭ ofte en la redakta laboro. Ŝi petas la adresojn de eventualaj interesiĝantoj, kontribuantoj, desegnantoj ktp.

Ŝi atendas la partoprenadon de infanoj, kiuj volas komuniki kun aliaj, trovi korespondamikojn, rakonti pri sia vivo, sendi ludojn, poemojn ktp. La venonta numero (n-ro 1.) aperos ĉirkaŭ la 15-a de marto 1998. Viaj kontribuaĵoj estas bonvenaj du semajnojn antaŭe.
Individua abono (4 numeroj) kostas 10 NLG, klasa aŭ asocia abono: 17 NLG.
Individua abono al *La krokodileto + Juna Amiko*: 24 NLG.

Adreso de la redakcio: *Catherine Giangrossi, 1 rue Trarieux, FR-69003 Lyon, Francio.*
Tel. kaj fakso: *+33/ 4 72360714.*
*Rete: pascal.lecaille@wanadoo.fr*



## Priplorinda rezulto

*Eble interesos vin jena letero publikigita en* Figaro Madame *(porvirina aldono al la ĉiutaga franca gazeto* Le Figaro, *unu el la ĉefaj en Francio) je 1997.10.04*

*Kent Jones*

Kiel povas okazi, ke junuloj dum la abiturienta ekzameno (france "baccalaureat") post sep jaroj da lernado de la angla, havas tiom da malfacilaĵoj por esprimi sin en tiu lingvo, tiom logika, kiun kompreni kaj memori estas tiom facile? Fremda lingvo, tio ja estas nur: vortprovizo, gramatiko, kaj kun-uzo de ambaŭ. Estas konsterne konstati, en la lasta klaso antaŭ tiu ekzameno, kiom da bazaj vortoj mankas al lernantoj, kiujn ilin tamen lernis kaj ripetadis dum sep jaroj (...). La fiasko de la instruado de la angla lingvo en niaj lernejoj ne estas io fatala. Estas tempo ŝanĝi la manieron ĝin instrui. Ĉiuj konsentas, ke necesas kalkuli kun Eŭropo, kaj ke estos privilegiitaj tiuj, kiuj scios angle paroli kaj skribi.

*H. Hamomet*

Tiu letero estas tipa pri la tuta miskompreno fare de la ĝenerala publiko pri tio, kio estas lingvo, kaj kiel kaj kiagrade eblas ellerni fremdan lingvon. Nur lingvoinstruistoj scias, ke akiri lingvon en lernejo estas io neebla, ne ĉar la instruistoj estas nekompetentaj aŭ ĉar la lernantoj estas mallaboremaj, sed simple ĉar nacia lingvo estas io tiel ampleksa kaj arbitra, ke ĝi defias normalan lernkapablon.
Enmensigi al si novan lingvon, tio estas ŝanĝi tutan komplikan reton da refleksoj encerbigitaj ekde plej frua infaneco. Tiaj ĉiutage uzataj refleksoj rezistas kontraŭ ŝanĝo. Lerni lingvon estas do io tute alia ol lerni vortprovizon, gramatikon kaj

la manieron integri tiujn du. Necesas unue distancigi sin de la refleksoj de la gepatra lingvo. Poste necesas akiri la refleksojn de la nova lingvo. Se agus nur memoro kaj inteligento, ne transformitaj al refleksoj, oni ne parolus flue. Flua esprimado postulas, ke la traduko de konceptoj al vortoj kaj frazoj estu senkonscia.

Tiuj ŝanĝoj devas okazi sur du niveloj. Unu estas tiu de la parol-organoj. Se vi neniam, antaŭ la unua lingvoleciono, lernis meti vian langon inter la dentoj por prononci "*th*", estos treege malfacile akiri la koncernan reflekson. Estas same malfacile, kiel uzi la maldekstran manon por movo, kiun vi ĉiam faris per la dekstra. Kaj se vi dum dekdu jaroj konstante akcentis la lastan silabon de vortgrupoj, kiel en la franca, estas preskaŭ neeble kutimigi sian buŝon al tute alia sistemo. (Tiel fariĝas neeble distingi la du prononcojn de *desert, dezerto, deserto* aŭ de *record, disko, registri*).

Sed la refleksoj devas ŝanĝiĝi ankaŭ pri la maniero konstrui frazon. En la franca oni "iun helpas", en la angla oni "helpas iun", en la germana oni "helpas al iu". Refleksoj ekzistas ankaŭ pri vortformado. Granda parto de lingvolernado konsistas el alpreno de refleksoj, kiuj inhibu la naturajn refleksojn. Lernanto, kiu rimarkis la formadon en *farm - farmer, dance - dancer, report - reporter, write - writer* tiel akiras reflekson kiu kondukos lin al *"translate - translater"* kaj *"teeth - teether"*. Sed oni skribas *translator* kaj diras *dentist*. Necesas do bloki la naturan reflekson por enprogramigi haltigon de la nerva fluo (kvazaŭ enmensa signo "Haltu! Vojo mapermesita!") kaj devojigon al la ĝusta vorto. (Tio ne necesas en E-o: komparu kun la ĉi-supraj *farmisto, dancisto, raportisto, verkisto, traduktisto, dentisto*).

Ankaŭ la transiro de koncepto (ideo, penso) al vorto estas io refleksa kaj devas ŝanĝiĝi, kiam oni uzas alian lingvon, ĉar la signifkampoj (semantikaj kampoj) de la vortoj ne estas ĉie samaj. Neniu unuopa franca vorto esprimas la multajn malsamajn sencojn de la angla *make up* (kompensi, elpensi, kunmeti, kompletigi, repacigi, ŝminki, ktp) [*"He's made up his mind to stay in." – "Well, I've made up my face to go out"*, diras du roluloj en romano de P. G. Wodehouse, "Doctor Sally".]

Ŝanĝo de refleksoj estas ne nur io, kio postulas multege da tempo, t.e. milojn da ripetoj, sed krome io nestabila. Sufiĉas ne uzi la lingvon dum kelkaj jaroj por ke la refleksoj malaperu, ĝuste ĉar ili estas kontraŭnaturaj. En E-o la refleksoj ĉiam povas sekvi la naturan vojon. Tial homoj, kiuj ĉesis uzi ĝin dum jaroj, tre rapide retrovas la kapablon esprimi sin per ĝi.

La serĉo al la perfekta lingvoinstrua metodo estas do tute iluzia. Lingvoakiro postulas, ke oni enmensigu al si proks. milionon da novaj refleksoj. Ne eblas redukti la tempon necesan por tio. La sola solvo estas alpreni lingvon en kiu la unuaj akiritaj refleksoj povu esti plene ĝeneraligataj. Tia lingvo estas E-o.

*Claude Piron*

Nobelpremiito Linus Pauling konfirmis al mi la antaŭlastan paragrafon. Li lernis E-on kiam li estis 15 jara. Vidinte E-tekston je la aĝo 90, post efektive 75 jaroj de neuzo, li skribis ke li senĝene povis legi ĝin.

*Kent Jones*

## Hispanio

La 1-an de novembro 1997 dum la estrarkunsido de HEF oni decidis nomumi s-ron *Augusto Casquero* Estrarano pri Instruado, kaj kontakti la estraron de ILEI cele al rekonstruo de tiu asocio en nia lando, sub la kupolo de HEF.

*Manolo Parra, Sekretario de HEF*

**2-6 de marto 1998: Baza kurso de Esperanto en Valencio**

Loko: Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencia (Hispanio). Oficiala studobjekto, unuafoje en Hispanio. Akademia valoro: 2 kreditoj. Malferman prelegon faros Miguel Fernández, la ferman Gian Carlo Fighiera. Informoj ĉe la instruisto:

*Augusto Casquero, Avenida Burjasot, 29, A-31, ES-46009 Valencia (Hispanio). Fakso: +6 3849616. Rete: a-casquero@redestb.es*

**Internacia Cseh-metoda kurso en Valencio**

Dum la tagoj 25 ĝis 30 de julio 1998 (ses tagojn), okazos en Valencia (Hispanio) rapida E-Kurso por komencantoj kaj progresintoj, laŭ Cseh-metodo.

La instruanto estos la internacie konata fakulo de tiu metodo, s-ro Anton Zacharias, el Slovakio.

La lecionoj okazos ĉiumatene, ekde la 9-a ĝis la 13-a horo. Posttagmeze estos libera tempo por viziti la belajn plaĝojn de Valencia, kaj sunbruniĝi. Laŭbezone eblas aranĝi posttagmeze kulturajn vizitojn aŭ distrajn programerojn. Se estas kandidatoj, okazos ankaŭ seminario pri la Cseh-metodo, unuavice por instruantoj. Fine de la kurso, por tiuj kiuj tion deziros, oni povas kune vojaĝi al la UK en Montpellier (Francio). Prezo de la kurso (ne inkluzivas loĝadon kaj manĝadon): 6.000 hispanaj pesetoj (ĉirkaŭ 40 USD).

Interesiĝantoj kontaktu: ***Augusto Casquero de la Cruz***, *Avenida Burjasot, 29, A-31, ES-46009 Valencia, Hispanio. Telefono: + 34 (9) 6 3401369. Fakso: + 34 (9) 6 3849616. E-poŝto: a-casquero@redestb.es*

## Hungario

**La 13-aj Pedagogiaj Tagoj, 6-a Semajnfino de Junaj Lernemuloj (SOJLO)**

Ili okazos la 28-an de februaro kaj 1-an de marto 1998 en Budapeŝto. La saman semajnfinon Eventoj organizos karnavalan balon, do niaj konferencanoj – post la prelegoj – povos ripozi (?) tie.

*El la programo*: Kvalifikado de E-instruistoj en pedagogia altlernejo. Lernolibro de E-o por lernejanoj: bazaj postuloj de moderna lernolibro, bezono kaj realigo. Faka kunveno de praktikantaj instruistoj. Nacia Baza Instruprogramo en Hungario. Gramatikaj problemoj el metodika vidpunkto - la Zamenhofa lingvo, tipaj eraroj kaj ilia prevento. Modellecionoj. La SOJLO-n gvidos Barossné Kóródy Zsófia. Pliajn detalojn petu de Zsuzsa Barcsay kaj József Németh. *[Adresoj sur la kovrilpaĝoj.]* *J.N.*

**Esperanto en la Pedagogia Altlernejo de Szombathely**

En la Altlernejo ankaŭ en la studjaro 1997-98 disvolviĝas pluraj E-lingvokursoj. 25 studentoj frekventis kursojn por tutkomencantoj kaj progresantoj. La studentoj devas superi lingvoekzamenon por fine de siaj studoj rajti ricevi diplomon.
Peljmulto de la ĉi-jaraj studentoj estis tiuj kiuj jam plurfoje fiaskis en aliaj lingvoj kaj aŭdinte pri la facileco de la internacia lingvo kaj pri la sukcesoj de aliaj studentoj ili pretis eĉ pagi kontraŭ la studado. (La lernejo ne plu ebligas al la studentoj senpage frekventi lingvokursojn pro tio la lernantoj (aŭ iliaj kompatindaj gepatroj) devas elspezi signifan sumon por provi la lastan ŝancon.) Dum tiaj kursoj mi devas ne nur instrui la ĉefajn elementojn de la lingvo kaj kapabligi la studentojn komuniki per ĝi, sed kiel eble plej efike mi klopodas infekti ilin per la ideo kaj utileco de la lingvo kaj ties movado. Mi opinias mian laboron plene sukcesa ne tiam se la studentoj sukcese ekzameniĝas, sed tiam se el inter ili almenaŭ kelkaj daŭrigas siajn studojn, ekkorespondas aŭ prunteprenas de mi legaĵojn en E-o.
Post 50-hora intensa kurso en decembro sukcese ekzameniĝis 17 studentoj en elementa nivelo, el kiuj 6 daŭrigas siajn studojn kaj provos superi ankaŭ mezgradan ekzamenon ekster la altlernejo. Ili partoprenis ankaŭ la Zamenhofan-tagon kie kun aliaj junuloj de la urbo fondis junularan sekcion. En la nova semestro ni lanĉos tri kursojn, unu por tutkomencantoj, unu por tiuj kiuj ne sukcesis alproprigi ĉion dum la antaŭa intensiva kurso kaj bezonas pluan helpon, kaj unu por la daŭrigemuloj.

Kadre de la laboro de la nova katedro pri Aplikata Lingvistiko okazas preparaj studoj pri lingvopedagogio. Respondecante pri tiuj lekcioj mi zorgas pri tio, ke pri la internacia lingvo ricevu informojn ankaŭ tiuj, kiuj studas aliajn fremdajn lingvojn. En la prelegoj pri lingvopedagogio por estontaj filologoj kaj en la studmaterialo ricevas gravan rolon ekzemple denaskismo, propedeŭtika valoro de la unua fremda lingvo, lingvolernaj problemoj de malgrandaj infanoj ktp. Esperanto kaj ties valoroj tiomgrade trateksis la lekciojn ke la studentoj tute nature ekinteresiĝis pri tiu lingvo kaj centprocente partoprenis mian (de ili petitan) informprelegon kaj modellecionojn pri la internacia lingvo. Gravas ne

tio, ke ili fariĝus esperantistoj, sed tio ke estontaj lingvoinstruistoj pri la angla, germana kaj franca lingvoj estu daŭre informataj pri E-o. Se maturiĝas en ili la interna bezono pri tiu ĉi lingvo kaj movado ili scios kie, kion kaj kiun trovi por kontentigi tiujn bezonojn. *dr. Katalin Smidéliusz*



# Irano

**La unua E-kurso en "Sana Urbo"**

S-ino Jhila Sedigi Saheb-zamni, E-ĉefdelegitino en Irano, malfermis komencan E-kurson en Tehrano, en "Sana Urbo", kie unuafoje funkcias E-instruado. (Sana Urbo estas organizaĵo, kiu servas mizerulojn en diversaj terenoj, en la plej malriĉa kvartalo de Tehrano nomata "Dolat-abad".)

Ŝi ĝis nun instruis nur E-lernantojn trapasantajn la elementajn kursojn de profesoro M.H. Saheb-zamni.

La kurso komenciĝis la 2-an de septembro 1997 kun 50 junaj partoprenantoj. Kiam en Irano okazis internacia konferenco pri la sociala higieno, la 6-an de oktobro 1997 vizitis la organizaĵon "Sana Urbo" 26 ministroj. Ili vizitis ankaŭ la E-kurson de Jhila Sedigi Saheb-zamni. Ŝi mallonge prezentis E-on al ili. *[Vidu la foton supre, kiun faris s-ro Naser Asgar-Zadegan!]*

*Laŭ la informoj de Mojtaba Kheir-Khah,*
*37, K.135, 10 Metry Dowom, Javadieh, IR-13-657 Irano*

# Italio

**Seminario por instruistoj kun aŭspicio de ILEI**

*Dum la 10-a Alp-Adria Esperanto-Konferenco /22-a Internacia Junulara Festivalo Lignano Sabbiadoro, 8-14 aprilo 1998*

Por ellernado de ia ajn lingvo, oni devas disponi je bonaj gramatiko, vortaro, lerno- kaj lego-libroj, eventuale sonbendoj por alproprigo de korekta prononcmaniero, kaj aliaj similaj instruaj helpiloj. Tio estas la baza materialo bezonata se - ekzemple - iu deziras memstare studi. Alie, al ĝi oni devas aldoni ankaŭ instruiston aŭ instruanton, kiu per sia metodo kapablu transdoni al la lernanto kiel eble plej multe da konoj pri la koncerna lingvo.

Tiukaze, aparte grava estas la instru-metodo, kiu ĉefe celas konigon de la gramatikaj reguloj kaj paralelan paroligadon de la lernantoj. Sed por E-o tio ne sufiĉas: fakte neniu metodo povas per si mem sufiĉi, unue se la studento ne havas en si la firman deziron ekregi la lingvon kaj due se la instruisto ne malkaŝas al li/ŝi, kiel eble plej frue, la kulturajn valorojn de nia ilo kaj ĉefe la vastan gamon de eblecoj utiligi ĝin por diversaj celoj.

Por kontribui al plia profesieco de la E-instruantaro, de la 8-a ĝis la 14-a de aprilo 1998, en Lignano Sabbiadoro (Italio) dum la Alp-Adria Konferenco estos ebleco partopreni en Seminario por kurso-gvidantoj.
Stefano MacGill, tre sperta kaj verva trejnisto, sekvos vin paŝon post paŝo sur la malfacila tereno de lingvoinstruado, pritraktante plej diversajn problemojn tiukampajn.

Jen, kelkaj argumentoj kiuj estos pritraktataj:
1. Kio estas komunika instruado? Ĝiaj principoj kaj instruteknikoj.
2. Kiuj estas la malfacilaj kaj esencaj punktoj de E-o? Unue, por studantoj ajnnaciaj. Due, aparte por italoj (tion la kursanoj prezentos).
3. La Cseh-metodo: ĝiaj meritoj kaj mankoj. Kiun valoron ĝi havas por ni? Kiom el ĝi nuntempe ni prefere ŝanĝu?
4. Kiel eviti la fordrivadon de kursanoj? Kiel inkluzivi konojn pri la E-a vivo en la kursoj?
5. Kiel trafe ligi gramatikon kun komunikaj situacioj? (Tion oni esploros ne nur teorie, sed per la lernolibro Tendaraj Tagoj, kajero 2.)
6. Strategioj por pli kvanta kaj kvalita instruado. Kursoj prefere en oficialaj aŭ privataj lernolokoj? Kiujn aĝ-grupojn ni ĉefe celu? Rolo de eksperimentoj, uzeblaj argumentoj, instruista trejnado, ktp.

Eblas ke eĉ partoprenontoj proponu pliajn temojn. Do, ne perdu ĉi tiun ŝancon plialtniveligi viajn jam bonajn instru-kvalitojn: el tio nia movado tutcerte akiros nur avantaĝojn! Haste antaŭmendu sidlokon en la klaso-ĉambro de Stefano MacGill: ne risku trovi ĝin jam okupita!

*Edvige Tantin Ackermann, nored@iol.it,*
*Triesta Esperanto-Asocio, Via Crispi 43, Esperanto C.P. 601, IT-32100 Trieste*
*(El Interredaktore)*

# Jugoslavio

**Instruado de Esperanto en Jugoslavio en 1997**

E-Instituto Beograd eldonis 28 A-diplomojn kaj unu B en la jaro 997, kompare kun 8 A kaj 11 B en 1996 kaj 57 A en 1995. La ekzamenoj estis organizataj post publikaj elementaj kaj daŭrigaj kursoj, kiujn organizis E-societoj en Zaječar, Senta, Niŝ, Belgrada Universitata Studenta E-Klubo, Fervojista ES "Branko Maksimoviĉ" Beograd, kaj koresponda kurso de Serbia E-ligo. Sed ne ĉiuj publikaj kursoj finiĝis per ekzameno, kaj la Instituto ne notas tiajn.

Krom en la publikaj kursoj, E-o estas instruata ankaŭ en lernejoj, kadre de E-grupoj. Aparte menciindas Elementa lernejo en Novi Beĉej, kie s-ino Sanislo Agneŝ jam plurajn jarojn gvidas E-grupon, kies lernantoj aktive partoprenas en internaciaj kontaktoj pere de E-o.

En la periodo de la 4-a de aprilo ĝis la 3-a de aŭgusto, ĉiudimanĉe aperis E-kurso en la taga gazeto "Politika ekspres", kiun aranĝis s-ro Jovan Jovanoviĉ-Ĵan el Niŝ. Ĝi finiĝis per interparolo kun s-roj Zlatoje Martinov kaj Renato Petroviĉ, publikigita en la numero de la 10-a de aŭgusto, kiu ebligis plurflanke lumigi la fenomenon de E-o por vasta publiko.
E-Instituto Beograd kaj unuopuloj el Jugoslavio kunlaboris kun E-Ligo de Serba Respubliko (la serba parto de Bosnio kaj Hercegovino) en popularigado kaj realigado de E-kursoj en Banja Luka, Prijedor, Kozarska Dubica, Tesliĉ kaj Brĉko. Tiu kunlaboro rezultigis ankaŭ eldonon de Lernolibro por Ekspresaj Kursoj de Boriŝa Miliĉeviĉ, direktoro de la Instituto.

*Radojica Petroviĉ*
*radp@emi.yu*

# Kroatio

**Konkurso de popolkostumoj - denove**

KEU organizis la ekspozicion de la popolkostumoj el dudeko da landoj. Ĉar ni havas la eblecon prezenti la ekspozicion ĉe pli prestiĝa loko ni, deziras kolekti pliajn popolkostumojn.

Kroata Esperantista Unuiĝo invitas la gejunulojn en la aĝo de 6-30 j. partopreni la internacian konkurson kun la temo "POPOLKOSTUMOJ". Oni povas prezenti tutan popolkostumon aŭ nur unu parteton. Ĉiuj verkoj estu prezentataj en la formato A4 en iu ajn tekniko. Dorsflanke oni klare skribu jenajn informojn: nomon kaj antaŭnomon, aĝon, adreson, 2-3 frazan priskribon de la verko. *Limdato: 1-a de aprilo 1998.* La ricevitaj verkoj estos prezentataj en pluraj kroataj urboj. Komisiono elektos la plej belajn verkojn, kies aŭtoroj ricevos diplomojn kaj ĉiu partoprenanto ricevos etan donaceton.

Adr.: *Kroata Esperantista Unuiĝo, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio*

*Marija Beloševiĉ, sekretario de KEU*

**Lernolibroj ago-tagis en Zagrebo**

Dum la pasintjara ago-tago, la 3-an de oktobro en la zagreba ĉefmagazeno "Nama" estis prezentitaj impona kolekto de lernolibroj kaj instruhelpiloj uzataj tra la mondo. La plej grandan atenton vekis la video-kurso "Mazi en Gondolando", la kompleto "Tendaraj Tagoj" kaj la vortaro "Mil unuaj vortoj".
La budon vizitis ankaŭ kelkaj instruistoj, kiuj taksis la E-lernolibrojn "tre bonkvalitaj".

**E-kurso ĉe la kroata televido**

Teamo de la kroata televido vizitis la E-kurson en la zagreba bazlernejo "Medvedgrad" kaj filmis la instruadon. La lernantoj vigle interparoladis en E-o kaj donis koncizajn, sed utilajn informojn pri la IL-o. Ĉe la fino la lernantoj kantis "Frat' Jakobo". Oni prezentis la filmon meze de oktobro en la porinfana elsendo "Eta kaj granda mondo".

**Decembraj eventoj en Kroatio**

Kvardeko da lernantoj de E-o el zagrebaj bazlernejoj okaze de la Zamenhof-tago preparis muzikan-poezian programon. La unua prezento estis ĉe la Kristnaska foiro de la Internacia klubo de virinoj kaj la dua por maljunuloj en maljunulejo. En la lernejoj ili aranĝis ekspoziciojn komence de decembro kun la temo: *aidoso kaj infanoj*, ĉirkaŭ la 15-a de decembro kun *informoj pri la vivo de Zamenhof*.

*Ivan Bekavac-Basiĉ*

**Kurso en Ĉakovec**

En la Pedagogia Akademio en la urbo Ĉakovec, Kroatio lernas E-on 28 studentoj, estontaj instruistoj. La kurson gvidas prof. *Tihomir Engler.*

Kontaktadreso: *Pedagoska Akedemija, HR-42000 Ĉakovec-Buzovec, Kroatio*

## Litovio

**Sub ombrelo de la angla** *(propono de Valdas Banaitis)*

Nuna transira situacio en la oriento de Eŭropo prezentas ŝancon por Esperanta komunumo esence kontribui al interlingva egaleco kaj faciligo de transnacia komunikado – ne per instruado de E-o, sed per instruigo de aliaj malgrandaj lingvoj, eluzante drastan mankon de instruistoj de la angla lingvo. En Litovio mankas 600 fakuloj por instrui la anglan en lernejoj. Volontuloj de la Packorpuso plej ofte ne estas pedagogoj, ili restas en Litovio nur sezone kaj ricevinte ateston pri eksterlanda praktiko, forlasas siajn lernantojn. Preferindaj estas anglistoj ne denaskaj, sed tiaj, kiuj devis mem ellerni la lingvon. Kaj ĉefe, ke ili venu al Litovio ne nur kun la celo instrui la anglan en lerneja programo, sed ankaŭ por kontrakti ĝemeligon de almenaŭ unu elementa klaso kun klaso en sia lando por intense – en la daŭro de 8-9 jaroj (ĝis 16-jara aĝo) – reciproke ellernigi sian etnan lingvon per interŝanĝo de lernantoj kaj instruistoj.

Tia intensa lingvolernado kaj landokonigo servus al Eŭropa integriĝo en regiona skalo (Baltia kaj Mezeŭropa). Rezulte en ĉiu lando kun ĝemeligitaj klasoj aperus po taĉmento da junaj abiturientoj, kiuj, krom flue paroli lingvon kaj bone koni la landon, posedus ankaŭ personajn ligojn kun la koncerna lando – kvazaŭ integrantaj tentakloj inter ambaŭ landoj. Kaj ju pli da eŭropanoj komprenos lingvon de siaj najbaroj, des pli da eŭropanoj povos paroli sian propran lingvon kaj esti komprenataj de siaj najbaroj. Tia interŝanĝo prezentas ŝancon por malgrandaj lingvoj esti instruataj eksterlande en lerneja programo kaj tiel rompi la monopolon de la programaj fremdlingvoj. Ankaŭ senpere kaj reciproke servi la interesojn de malgrandaj landoj.

Por komenca interkompreniĝo de la instruisto kun lernantoj, kiuj ne posedas komunan lingvon estas tri vojoj: 1) anticipe ellerni minimumon da orientigaj vortoj, 2) uzi gestan kodon, 3) antaŭstudi E-gramatikon kaj leksikan minimumon – ĉefaj nocioj kaj 11 finaĵoj.

Estas tre grave, ke ĝuste e-istoj el Okcidento de la regiono (malgrandaj landoj de Finnlando ĝis Belgio, de Pollando ĝis Hungario) varbu instruiston de la angla, kiu estas preta iri al Litovio kun kroma misio ekinstrui ankaŭ sian etnolingvon laŭ ĝemeliga kontrakto interŝanĝa. Tiam ne nur la iniciato, sed ankaŭ la anticipa preparo apartenus al e-istoj. Kaj E-o ekhavus niĉon plian ol nura kodo interkompreniĝa – kiel paralela ĝemeligo per E-o, ankaŭ propedeŭtiko antaŭ instruado de natura fremdlingvo. Instruado de E-o en lernejo havas sencon nur kun apogo eksterlanda. Eksterlanda instruisto de la angla en Litovio havus sufiĉan okupon per la angla, per kiu li povus pripagi ankaŭ sian loĝigon en familia hejmo, ĉar ekzistas familioj pretaj akcepti gastan loĝanton kontraŭ ebleco praktiki la anglan. La lernejo povas havigi al instruisto apartan loĝejon senpage. Ĉiutaga leciono de la etnolingvo en aparta ĝemelklaso estus kroma tasko. Se la

eksterlandano estus ankaŭ e-isto, estus tre facile iniciati ankoraŭ unu ĝemelklason kun unujara programo – kun komunika kaj propedeŭtika celo, ĉar E-o devas esti instruata kiom eble plej frue, kiel la unua fremdlingvo. En la kadro de jam de eksterlande iniciatita eksperimento tion povas fari ankaŭ lokaj e-istoj.
Litova instruisto en eksterlando apenaŭ havus pli ol unu lecionon ĉiutagan, se ne povos instrui E-on, sekve necesos kromlabori ekster instruado.
La ideo ekĝermis, kiam mia fratino, direktoro de mezlernejo en Jurbarkas (15 mil loĝantoj, tri mezlernejoj), petis min trovi por ŝia lernejo du anglistojn eksterlandajn, kaj krome mia kuzino, instruisto en Panevežys (urbo kun 110mil loĝantoj) pro familia krizo pretas resti eksterlande instruante litovan lingvon tri jarojn. Se aperos pli da volontuloj, pretaj veni al Litovio, ĉiuj estos akceptataj – en Jurbarkas la estro de kleriga fako de urbestraro estas e-isto, Antanas Gvildys.
Kaj estus tre bone, se ni kolektus el ĉiu regiona lando almenaŭ po unu tian instruiston de la angla – por la ĉefa celo – reciproka disvastigado de malgrandaj etnolingvoj per intensa instruado kaj lingva medio danke al ĝemeligo, regula intergastigado en familioj, lernejoj kaj someraj kampadejoj. Tia opa integriga pedagogia eksperimento, koncentrita en geografia centro de Eŭropo, povas firme enradikigi ankaŭ E-on en sia naskiĝ-regiono, kaj servi por denova interproksimigo de iamaj unianoj – litovoj kaj poloj.

*Valdas Banaitis, Pergales 26-35, LT-2041 Vilnius, Litovio*

# Nepalo

**Koresponda kurso de Esperanto**

Ekde aŭgusto 1997, Esperanto-Domo funkciigas korespondan kurson de E-o en Nepalo. En la lando kie poŝto-servo mem estas tre malrapida, koncepto de koresponda instruado estas for de praktiko, sed la amaso da petoj pruvas ke homoj ja interesiĝas pri E-o. Ĝis nun ni jam ricevis 86 petojn de diversaj urboj kaj respondoj al ili estas jam dissenditaj. Kaj ni jam havas respondojn de pli ol 20 lernantoj.
Ni eldonis malgrandajn anoncetojn en nacia ĵurnalo *'Kantipur'* kaj *'Saptahik'*, ke okazos senpaga kurso de E-o kiu helpos homojn komuniki kun la tuta mondo kaj surprize venis amaso da demandoj. Multaj personoj iam aŭdis pri E-o, sed ili ne kredis ke ĝi vere ekzistas en la hodiaŭa mondo.
Informilo pri E-o, metodo de la kurso kaj la unua leciono estis sendataj al la informo-petantoj.
Verŝajne, ĉiuj lernantoj ne sukcesos lerni ĝin ĝisfine, sed estas grave, ke oni almenaŭ trovas informojn pri E-o kaj homoj ankaŭ de multaj aliaj urboj konas la internacian lingvon.
E-Domo estas nova koncepto de kelkaj junaj e-istoj, kiuj malrapide, sed daŭre laboras por evoluigi E-on en Nepalo kaj ankaŭ helpos iamaniere al la landa

asocio. La koresponda kurso estas la unua paŝo de ĝi.

*Razen Manandhar, P.O. Box 3447, Kathmandu, Nepalo.*
*E-poŝto: espero@domo.mos.com.np*

# Pollando

**Esperantologia-Didaktika Konferenco en Krakovo**

En Jagiellona Universitato kaj parte en la Urbocentra Kulturdomo en Krakovo, la 18-20-an de aprilo 1997 okazis Esperantologia-Didaktika Konferenco. Partoprenis ĝin pli ol 60 personoj.

La sekva Esperantologia-Didaktika Konferenco de ILEI okazos en Krakovo, dum la tagoj 24-26-a de aprilo 1998. Antaŭos ĝin pola AIS-sesio kaj sekvos Krakova Esperanta Kulturfestivalo. Aliĝoj, proponoj pri kontribuo al la programo (kun kelklinia resumo de prelego aŭ priskribo de la prezentota leciono - materialo, metodo ktp. - publikigota en la konferencaj materialoj), petoj rezervi malmultakostan hotelon proksime al la urbocentro, atingu ĝis la 15-a de februaro 1998 s-inon Maria Majerczak.

**Nova studjaro en Jagiellona Universitato en Krakovo**

Sekve al prelegoj de s-ino Maria Majerczak en Jagiellona Universitato en Krakovo, de oktobro 1997 lernas E-on pli ol 70 studentoj. (Ĉi-jare la nombro de la studentoj duobliĝis.) La Internacia Lingvo daŭre estas deviga studobjekto por tiuj, kiuj elektis ĝin, kiel parton de sia deviga programo. Tio ne koncernas momente iujn fremdlingvajn studojn, sed la gejunuloj povas lerni E-on aldone. E-o ne povas anstataŭi, kompreneble, la ĉefajn devigajn kaj neelekteblajn studobjektojn en iu fako (ekz. filozofion en filozofiaj studoj). Tamen la E-ekzameno kaj poentoj havas la saman valoron, kiel tiuj ĉe la devigaj studobjektoj. Krom studentoj de Jagiellona Universitato, la kurson partoprenas po kelkaj personoj el: Minista-Fandista Akademio, teknika altlernejo unika landskale (la pola vorto "akademio" estas ekvivalento de "universitato"), Ekonomia Akademio, Akademio de Fizika Edukado, Agrikultura Akademio, Supera Pedagogia Lernejo kaj unuopaj studentoj el aliaj krakovaj superaj lernejoj. Ili estas loĝantoj de Krakovo kaj urboj, vilaĝoj en ĉiuj partoj de la lando. Pluraj junaj homoj iĝos poste instruistoj de E-o, aliaj ekz. aktivantoj en la E-a turismo. Ili vigle interesiĝas pri kontaktoj kun diverslandaj e-istoj, deziras korespondi, laŭeble interŝanĝi vizitojn, partopreni internaciajn junulrenkontojn kaj laborbrigadojn. Interesiĝantoj skribu al Maria Majerczak. *[Adreso sur la 3-a kovrilpaĝo].*

En la sama universitato okazadas ankaŭ alia sukcesa E-kurso mezgrada, organizita de la Asocio de Diplomitoj de Jagiellona Universitato. Al 15 eksstudentoj kaj aliaj personoj instruas E-on s-ro Zbigniew Warmuz.

*Maria Majerczak*

**Interlingvistikaj studoj en Poznan**

La Universitato de Adam Mickiewicz (UAM, la dua plej granda universitato en Pollando) anoncas 3-jaran eksteran postdiploman studadon pri interlingvistiko. La unua studjaro startos en la vintra semestro de la studjaro 1998/99 kaj poste ĉiun trian jaron.

La internacia kurso okazos en la Lingvistika Instituto, sub la gvido de d-ino Ilona Koutny, kun la subteno de prof. Tadeusz Zgólka. Inter la prelegontoj estas konataj esperantologoj, kiel profesoroj D. Blanke, M. Duc Goninaz, H. Tonkin, T. Tyblewski kaj J. Wells, d-ino K. Smidéliusz, L. Ligeza kaj I. Ertl.

La interlingvistikaj studoj konsistas el enkonduko al ĝenerala kaj aplikata lingvistiko, el internacia kaj interkultura komunikado, ili traktos planlingvojn kaj detale okupiĝos pri gramatiko, literaturo, kulturo kaj historio de E-o. En la tria jaro eblas specialiĝi ankaŭ pri metodiko kaj turismo.

Surloka kurso okazos unufoje dum la semestro (lasta semajno de aŭgusto kaj de januaro). La studentoj pretigos diplom-laboraĵon kaj post la fina ekzameno ricevos Atestilon pri Interlingvistikaj Studoj.

Partoprenontoj povas aliĝi el la tuta mondo ĝis la 10-a de aŭgusto 1998. Postulo: fino de mezgrada lernejo (kun abiturienta ekzameno aŭ egalvalora) kaj bona scio de E-o. Kotizo por unu semestro: 400 USD (por nepagipovaj landoj 250 PLZ; 80 USD).

Estas planata superagrada lingvo-kurso antaŭ la universitata sesio por tiuj, kiuj bezonas lingvan perfektigon.

Por pluaj informoj kaj aliĝilo kontaktu d-inon Ilona Koutny: *Lingvistika Instituto de Universitato Adam Mickiewicz ul. Miedzychodzka 3-5. PL-60-371 Poznan. T/F: +48-61 8618-572 (sekretariejo) E: ikoutny@hum.amu.edu.pl*

**Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo en Bydgoszcz**

Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) - San Marino kaj Monda Turismo invitas al studado de turismo, kulturo kaj lingvoj en la studjaro 1998/1999. En la studumo povas studi ĉiu persono, kiu finis 18-an vivjaron kaj kiu havas almenaŭ meznivelan edukitecon. Plena eduk-ciklo daŭras tri jarojn. Oni povas elekti inter ĉiutaga kaj eksterĉeesta sistemo. Oni povas akiri ankaŭ la sciencan gradon de bakalaŭro aŭ eĉ magistro de AIS. Pri la ceteraj detaloj turnu vin al:

*Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo, Klerigejo de AIS - San Marino, str. M. Skłodowskiej-Curie 10, PL-85-094 Bydgoszcz, Pollando. Tel/fakso: (48-52) 341-57-44 aŭ 346-00-82. Interreto: http://www.bydg.pdi.net/~turismo/studumo.html. Retpoŝto: turismo@bydg.pdi.net*

# Rusio

**Instruado en Tjumeno**

La pasintjara E-instruado en Tjumeno ne donis pozitivan rezulton, ĉar la infanaj grupoj, varbitaj vintre plene disfalis jam printempe. La aŭtuna antaŭkursa informado en 1997 celis ĉefe la studentojn. La 21-an de septembro en la urbocentra "turo" (eksa akvoturo, nun klubejo de "Dzerĵinec") okazis la unua leciono. La 23-an de septembro komenciĝis kurso de E-o en la kulturpalaco "Geolog". La 12-an de oktobro en la turo startis la tria kurso.

Nun en la tri kursoj estas ĉ. 30 kursanoj, inter ili 9 lernejanoj, kaj preskaŭ ĉiuj ceteraj estas studentoj de Tjumenaj altlernejoj.

*Vladimir Izosimov*

**Somera Esperanto-Kursejo**

Inter la 19-26-a de julio 1998 Esperanto-Centro Jekaterinburg unuafoje en Ruslando okazigos E-kursejon por komencantaj, progresantaj kaj spertaj e-istoj. Ĉiutage funkcios tri studgrupoj.

A. *Elementa kurso.* Oni lernos la lingvon en malstreĉa etoso. Estas bonvenaj familianoj kaj amikoj de jamaj e-istoj.

B. *Daŭriga kurso.* Estas invitataj personoj, kiuj jam scias la bazon de la lingvo, sed havas problemojn pri ties uzo. La kurso havos kelkajn paroligajn temojn kaj pritrakton de literaturaj tekstoj.

C. *Supera kurso.* La kurson konsistigos prelegoj pri la historio kaj literaturo de E-o laŭ la programo de la instru-rajtiga ekzameno.

Krom la lekcioj kaj lecionoj por la partoprenantoj B kaj C estos organizata trejnado pri la temoj: informado pri E-o, verkado de artikoloj kaj recenzoj por la E-a gazetaro, redaktado de loka informilo, organizado de e-istaj kongresoj kaj renkontiĝoj.

La ĉiutaga programo enhavos 4-horan instruadon antaŭtagmeze, seminariojn kaj ekskursojn posttagmeze. La ekskursa programo enhavos interalie piknikon ĉe la limo inter Eŭropo kaj Azio. La vespera programo parte dependos de la partoprenantoj. La kursanoj povos uzi la riĉajn bibliotekon (KEB) kaj arkivon de la Esperanto-Centro. Funkcios ankaŭ libroservo.

La sukcese ekzamenitaj finintoj de la kursoj A kaj B ricevos diplomojn. Okazigo de instru-rajtiga ekzameno estas traktata kun REU kaj ILEI.

Kotiztabelo

| *Pagodato* | *ĝis 1 maj. 1998* | *Poste* |
|---|---|---|
| Ruslando kaj KSŜ | 160 mil rub. | 200 mil rub. |
| Orienta Eŭropo | 40 USD | 50 USD |
| Aliaj landoj | 60 USD | 80 USD |

Samfamilianoj kaj junuloj sub 26 jaroj pagas nur 50% de la aliĝkotizo. La kotizo inkluzivas la tutan programon, disdonotajn lernilojn, ekskurson tra la urbo, lupagon por la lokalo. La kotizo ne inkluzivas loĝadon, manĝadon kaj eksterurbajn ekskursojn.

Ruslandanoj kaj loĝantoj de KSŜ pagu kotizojn al *Halina Romanovna Gorecka* (*RU-620077, Jekaterinburg-77, p. k. 67*). Partoprenantoj el aliaj landoj pagu al nia UEA-konto: *avko-u*.

Adreso: *RU-620077, Jekaterinburg-77, p. k. 67, Ruslando.*
Telefono: *(3432) 220481 (merkrede: 14-16 MET; dimanĉe 6-11 MET)*
Rete: *hrgo@sbank.e-burg.su*

**La stagnado en Ruslando finiĝas (?)**

[...] La 5-an de oktobro 1997 en la Krasnojarska E-Klubo okazis prelego pri la lingvo, movado kaj la klubo. Ĉeestis pli ol 20 personoj, 13 el kiuj konsistigis la lernogrupon, kiun gvidas Sergej Bronov. Dum la prelego estis montrataj du filmoj – Rostova propaganda filmo en la rusa lingvo – kaj fragmentoj el "Mazi". Ankaŭ nia biblioteko estis prezentata per parto de siaj libraj trezoroj kaj per pli ol 20 ĉi-jare ricevataj periodaĵoj.

Iom pli frue porinfanan kurson en la urba pionirpalaco organizis membro de nia klubo Valerij Malyĥin. Nia klubo provizas la tiean Infanan E-klubon per periodaĵoj kaj libroj. Ĉi-somere unu lernantino de Valerij sukcesis viziti E-familion en Danio kaj gasti tie dum monato.

Nin ĝojigis la statistiko de la nova kursgrupo: el la 13 kursanoj 8 estas studentoj (inter ili 4 estos filologoj aŭ ĵurnalistoj). Tiu fakto estas por ni tre grava, ĉar dum la lastaj 5 jaroj ni ĥavis preskaŭ katastrofon rilate al la intereso pri E-o flanke de la studentoj – al nia kurso aliĝadis plejparte 30-40-jaraj (kaj pli aĝaj) personoj. Ni speciale atentas la filologian-ĵurnalistikan fakultaton de la ŝtata universitato, ĉar nia movado ege bezonas fakulojn pri la lingvo kaj la propagando. Ni planas instrui al la estontaj filologoj interlingvistikon, ĉar por disvastigi E-on preferindas transdoni ĝin al estontaj instruistoj kaj sciencistoj. Komence ni faros tion en la klubo, sed poste provos penetri oficialajn instruplanojn de la universitato.

Bedaŭrinde, por normala instruado tute ne sufiĉas modernaj lernolibroj. Ni devas mem preparadi lecionojn kaj tekstojn perkomputile kaj multobligadi ilin por la kursanoj. Sed nun aperis "Esperanto-rusa vortaro" kaj "Konciza gramatiko" de Aleksander Korĵenkov (eldono de "Ruslanda Esperantisto", Jekaterinburgo) kaj ni vaste kaj tre sukcese uzas ilin danke al ilia bona enhava kaj ekstera kvalitoj kaj tre malalta kosto.

Rezulte de nia ĉi-jara nova propaganda kaj instrua kampanjoj ni komprenis, ke en nia urbo intereso pri E-o ne mortis, sed komencis releviĝi. La homoj venantaj al ni ofte jam aŭdis pri la lingvo, sed simple ne sciis pri eblo lerni ĝin kaj pri nia klubo. Nun ni eĉ timas tuj proponi nin al la vasta publiko, ĉar niaj personaj ebloj instrui kaj organizi estas limigitaj. Do, ni iom "malrapidigas" la procezon, eskapante eksplode-amasan ekinteresiĝon.

La oficiala statistiko montras, ke Krasnojarska regiono estas averaĝa en Ruslando laŭ siaj socialaj parametroj – se temas pri balotoj, politikaj preferoj k.t.p. Se tiu averaĝeco validas ankaŭ por E-o, laŭ nia ekzemplo la periodo de la interna (kaj idea) stagnado de E-o en Ruslando iom post iom finiĝas.

*Sergej Bronov*

*(laŭ "La ondo de Esperanto" 7/97)*

## Svislando

**Programoj de KCE en La Chaux-de-Fonds**

21-22.02: L. Zamenhof, la okcidentano (François Degoul, zamenhofologo)
28-29.03: Fonetikaj aspektoj de E-o (Daniela Vitali, fonetikisto)
25-26.04: Renkonto kun István Nemere, verkisto
20-23.05: Migrado en la ĵurasa naturo kun Bernard Eichhorn, flaŭristo
27-28.06: Programo por infanoj kaj familioj kun fakulo pri denaskismo

Adreso: *Postiers 27 – CP 311 – CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svislando) – Tel/fakso: (41) 32-9267407*

## Usono

**Somera kursaro en San Francisko**

Inter la 6 kaj 24 de julio okazos jam la 29-an fojon la tradicia somera kursaro en la Ŝtata Universitato de San Francisko.

La instruado disvolviĝos en 4 niveloj de la tutkomencanta ĝis la progresanta. La sukcesa partopreno valoras ankaŭ kreditpoentojn en la universitataj studoj.

Krom la intensiva studo ekster la klasejoj okazas vesperaj programoj, grupa kantado, popoldancado, projekciado de diapozitivoj, prelegetoj, diskutrondoj kaj aliaj aktivaĵoj. Dumtage ankaŭ komunaj manĝoj, semajnfine organizitaj ekskursoj ebligas ke la internacia lingvo centprocente trateksu la semajnojn kaj fariĝu vivoformo de la partoprenantoj.

Pri la instruado respondecos geprofesoroj Alexander Shlyafer, John Wells kaj Katalin Smidéliusz, asistos ilian laboron Kanae Hirose.

Por pliaj informoj turnu vin al: *Cathy Schulze, 410 Darrell Road, Hillsborough, CA 94010, Usono, (650) 342-1796*

## ILEI PREPARAS SIAN ADRESARON

Se vi ĝis nun ne ricevis/resendis la enketilon bv. tuj kontakti la sekretarion de ILEI, Marija Beloŝeviĉ, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio, tel. +385 1 3745052, retadreso: mbelosev@public.srce.hr.

Vi povas ankaŭ tuj sendi la informojn pri vi: nomo kaj adreso, telefono, fakso, retadreso, profesio, kono de aliaj lingvoj, partopreno en la E-movado (loka, internacia), ekzamenoj (naciaj, internaciaj), pri kio vi deziras aparte okupiĝi kadre de ILEI. *Marija Beloŝeviĉ*

## ILEI-GIMNAZIO

Post unujara paŭzo paralele kun la ILEI-Konferenco okazos la ILEI-Gimnazio. Al tiu tutsemajna kunrestado estas bonvenaj esperantistaj junuloj en la aĝo de 13-16 jaroj kun bona kono de la lingvo.

Programo estas tre varia: oni havos studhorojn pri literaturo, historio, geografio, muziko... Krome, oni ekskursos, sportos. Informoj, aliĝoj:

*Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio*

## ABONU AL RET-VENTOJ

Ekde januaro startis rEt-VENTOJ, kiu estas interreta novaĵservo pri movadaj aferoj (la ĉefaj materialoj de Inter-redaktore, retpoŝta versio de Eventoj, multaj aliaj artikoloj ktp). Abonkotizo nur 45 guldenoj (B-landanoj: 25 guldenoj).

Kontaktu: *eventoj@hungary.net*




*[Teksto: "Kiu demenculo asertis, ke mi ne plu bezonos paperon, se mi legos la artikolojn de Eventoj en Interreto?!"]*

## JUNA AMIKO "MATURIĜAS"

En 1997 la revuo fariĝis 25-jara. La 24-paĝa revuo aperas kvarfoje en la jaro por lernejanoj kaj komencantoj. La eldonkvanto de *Juna Amiko* altiĝis de 2000 ĝis 3000 ene de unu jaro. Tio okazis ĉefe pro la decido de Brazila E-Ligo pri kolektiva abono de 800 ekzempleroj. La revuo havas legantojn en 82 landoj. La abonkotizo varias de

3 ĝis 19 NLG, depende de landoj kaj abonkvanto. Redaktoro: *Géza Kurucz, HU-6000 Kecskemét, Hitel u. 10. fszt. 16, Hungario.* Rete: *bjg@mail.datanet.hu.* Abona adreso: *Juna Amiko, Pf. 193, HU-1368 Budapest.* Eldonanto: *ILEI, Södra Rörum 455, SE-24294 Hörby, Svedio.*

## ELDONAĴOJ DE DEBRECENA BULTENO *en la traduko de Tibor Papp*

***Lun-ŝafidoj. Dr. Kovács Éva.*** Hajdú-böszörmény: Szabadhajdú, 1997. 56 p. 21 cm. 13 fabeloj, poemoj, tuĉo-desegnaĵoj pri la stepo Hortobágy, (Prezo: 5 IRK) (Libroforme: en E-o, en la hungara kaj germana, 137 p.: 6 IRK)



***Cervoreĝo*** (fabelo) k ***Sonĝvojaĝoj de Adamo Lamo*** (fabelromano). ***Dr. Kovács Éva.*** Fábián Bt.: Debrecen, 1997. 69 p. 21 cm. Dulingva (E-a kaj hungara), kun ilustraĵoj de la aŭtorino. (Prezo: 5 IRK)

*Mendu ĉe: Tibor Papp, HU-4031 Debrecen, Trombitás u. 12. Hungario*

## INTERNACIA KONKURSO: "EŬROPO EN LA LERNEJO"

*sub aŭspicio de la Eŭropa Konsilantaro kaj la Eŭropa Komunumo*

La konkurson oni okazigas ekde la jaro 1953 en eŭropaj landoj, aktuale 33. La ĉi-jara temo estas "Paco en Eŭropo". La temon pristudas la lernantoj (aĝo: 7-21 jaroj dividitaj en diversaj aĝkategorioj) kun siaj instruistoj.

Ĉefaj celoj de la konkurso estas: veki la konscion de la junaj eŭropanoj; substreki la gravecon de la eŭropa klerigo; instigi la komunikadon inter la eŭropaj lernejoj; direkti la atenton de la lernantoj al la problemoj de la unuiĝanta Eŭropo.

Partopreno en la konkurso estas libervola. La skribajn verkojn la lernantoj prezentas nacilingve. Okaze de la *Eŭropa tago de la lernejo* oni proklamas la rezultojn kaj premias la plej bonajn skribajn, desegnajn kaj muzikajn verkojn.

Pluraj eŭropaj landoj dum la someraj monatoj gastigas internaciajn renkontiĝojn por pliaĝaj venkintoj.

Se vi deziras ke ankaŭ viaj lernantoj partoprenu la konkurson interesiĝu pri la adreso de vialanda nacia komitato aŭ kontaktu la sekretarion de ILEI.

Do, ne temas pri la E-afero, sed certe e-istoj povus kontribui al ĝi.

*Marija Beloŝeviĉ*

| *JUNIO*<br>*IUNIUS* | *1997/1998* | *EŬROPA KALENDARO*<br>*FASTI EUROPENSES* | |
|---|---|---|---|
| *16/15*<br>*lundo*<br><br>*dies*<br>*Lunae* | FAMI-<br>LIO<br><br>FAMI-<br>LIA | G eine Familie<br>A a family<br>F une famille<br>I famiglia<br>N familie<br>D familie<br>E teaghlach | H οικογένεια<br>S familj<br>C familia<br>P família<br>L eng Famill<br>FI perhe |
| *17/16*<br>*mardo*<br><br>*dies*<br>*Martis* | PATRO<br><br>PATER | G ein Vater<br>A father<br>F un père<br>I padre<br>N vader<br>D far<br>E athair | H πατέρας<br>S pappa<br>C padre<br>P pai<br>L e Papp<br>FI isä |
| *18/17*<br>*mer-*<br>*kredo*<br><br>*dies*<br>*Mercurii* | PATRI-<br>NO<br><br>MATER | G eine Mutter<br>A mother<br>F une mère<br>I madre<br>N moeder<br>D mor<br>E máthair | H μητέρα<br>S mamma<br>C madre<br>P mãe<br>L eng Mamm<br>FI äiti |
| *19/18*<br>*ĵaŭdo*<br><br>*dies*<br>*Iovis* | GEPAT-<br>ROJ<br><br>PAREN-<br>TES | G Eltern<br>A parents<br>F des parents<br>I genitori<br>N ouders<br>D forældre<br>E tuismitheoiri | H γονείς<br>S föräldrar<br>C padres<br>P pais<br>L Elteren<br>FI vanhemmat |
| *20/19*<br>*vendre-*<br>*do*<br><br>*dies*<br>*Veneris* | FILO<br><br>FILIUS | G ein Sohn<br>A a son<br>F un fils<br>I figlio<br>N zoon<br>D søn<br>E mac | H γιος<br>S son<br>C hijo<br>P filho<br>L e Bouf<br>FI poika |
| *21/20*<br>*sabato*<br><br>*sabba-*<br>*tum* | FILINO<br><br>FILIA | G eine Tochter<br>A a daughter<br>F une fille<br>I figlia<br>N dochter<br>D datter<br>E iníon | H κόρη, θυγατέρα<br>S dotter<br>C hija<br>P filha<br>L e Meedchen<br>FI tyttö |
| *22/21*<br>*dimanĉo*<br><br>*dies*<br>*Domi-*<br>*nicus* | GE-<br>FILOJ<br><br>LIBERI | G Kinder<br>A children<br>F des enfants<br>I figli<br>N zoons en dochters<br>D barn<br>E clann | H παιδιά, τέκνα<br>S barn<br>C hijos<br>P filhos<br>L Kanner<br>FI lapset |

## EŬROPA KALENDARO 1999-2000

La Eŭropa Klubo, societo por lingvolimtranspaŝa interkompreniĝo, iniciatis antaŭ 20 jaroj propedeŭtikan instruadon de E-o kun ĉ. 600 infanoj el 20 eŭropaj landoj. Kiel aldonmaterialo aperadis en la jaroj 1975-85 la Eŭropa Kalendaro.
En la jaro 1994 oni enkondukis la lingvo-orientigan instruadon surbaze de la lernolibro *Ludu kun ni* de E. Formaggio. La lernmaterialo de tiu ĉi libro servis kiel bazo por la nova Eŭropa Kalendaro 1997/1998. Ĉiutage oni prezentas unu vorton (kun bildo) en E-o, en la latina kaj en 13 lingvoj de la Eŭropa Unio.
Sur la dorsaj paĝoj de la kalendaro troviĝas informoj pri historio, unuopaj landoj kaj atendolandoj de la Eŭropa Unio, pri Eŭropa Klubo kaj ĝia lingvopolitiko ktp.

La celoj de la kalendaro estas: atentigi infanojn kaj gepatrojn al la lingvo-orientiga instruado; veki intereson pri Eŭropa Unio kaj ĝia lingva kaj kultura buntecoj; montri eblajn lingvajn solvojn. Ni planas eldoni la Eŭropan Kalendaron en julio 1998 por la jaroj 1999-2000. Multaj antaŭmendoj reduktos la prezkostojn. Antaŭvidita prezo estos 12 DEM plus sendokostoj, rabato ekde 5 ekzempleroj.

**Subskripcia prezo: 10 DEM ĝis julio 1998.**
Bv. mendi ĉe: *EuropaKlub/IfK Verlag. Dr. Barandovská, Kleinenberger Weg 16a, DE-33100 Paderborn, (Tel. 0049-5251 163530, Fax -163533)*

*[NdlR - Vidu maldekstre la kopion de paĝo el la nuna kalendaro]*

## STIPENDIO IVO LAPENNA

Memore al prof. d-ro Ivo Lapenna (1909-1987) kaj al liaj elstaraj meritoj por la Internacia Lingvo ĝenerale kaj ties aplikado en la scienco speciale, Fondajo Ivo Lapenna en 1996 ekfunkciigis "Stipendion Ivo Lapenna".
La stipendio konsistas el subvencio al kiel eble plej multaj disertacioj je universitata nivelo (doktoriĝoj, magistriĝoj, licencioj), kiuj temas pri esperantologio kaj/aŭ pri E-o en rilato kun interlingvistiko kaj estas ellaboritaj en la spirito de L.L. Zamenhof kaj Ivo Lapenna.

En 1997 la stipendio estis aljuĝata por faklaborajo: "*Az eszperantó nyelv propedeutikus szerepe az olasz nyelvet tanuló magyar gyerekek képzésében*" (La propedeŭtika valoro de Esperanto en la formado de hungaraj infanoj lernontaj la italan lingvon), disertacio akceptita de la Universitato Eötvös Loránd en Budapeŝto (Hungario); aŭtoro: d-rino Katalin Smidéliusz, vicredaktorino de nia revuo. (Vd. IPR 97/4) *Gratulojn al ŝi!*

## Ursa Familio

Ursa Familio estas amuza kartludo por komencantoj. Per klaraj tekstoj kaj belaj desegnaĵoj ĝi kuraĝigas paroladon, ekzercas demandadon kaj respondadon. Ĝi uzas bazan vortaron pri diversaj ĉiutagaĵoj: pri temoj kiel koloroj, formoj, familianoj, domo, ĉambroj, bestoj, lokoj.

La ludo estas parenca al la nova porinfana koresponda kurso *Urso-Kurso [vd. la rubrikon El landoj kaj sekcioj, Britio - NdlR]*, sed estas ludinda sendepende de la kurso. Krom la dulingva ludpriskribo, ĉio cetera estas nur en E-o – taŭga, do, por internacia ludado! Oni povas mendi ĝin je favore malalta prezo, kontraŭ 3 britaj pundoj aŭ 8 aŭstraliaj dolaroj (plus afranko), perpoŝte: *Esperanto Teachers' Association, 1 Regent Avenue, Skipton, BD23 1 AZ North Yorkshire, Britio*, per fakso: *+ 44 1394 670250*, rete: *Tellierd@bibip1.wgw.bt.co.uk*

## Tendaraj Tagoj 2.

Post la elĉerpiĝo de la unua, aperis la nova, reviziita eldono de la internacia lernolibro, *Tendaraj Tagoj 2*. Ĝi estas la meza parto de triopa libro-familio, kiu celas instruadon unuavice al 10-14-jaraj lernantoj, sed ne nur. Ankaŭ amuzemaj, ludemaj pliaĝuloj ĝue alproprigas E-on uzante ĉi tiun lernilon.

En ĉiuj tri partoj regas *komunikcentraj*, paroligaj ekzercoj, en plej diversaj situacioj. La dua kajero konstruiĝas simile, kiel la antaŭa aŭ la fina, la tria. La unuopaj lecionoj estas ĝenerale "paĝo-longaj" – en bone trarigardebla formo. En la nova eldono aperas 52 unuoj (dudekon pli, ol en la unua). La ĉefan tekston, dialogon sekvas aŭ se ili tro longas – interrompas demandoj, komprenkontrolaj ekzercoj, ludoj. Apartan vortoliston, koncernan gramatikaĵon (gramatikan resumon), listigitajn situaciojn kaj aktivigajn taskojn oni trovas ne post ĉiu unuo, sed fine de la libro. Krome oni trovas tie ekzamenon por testi la sciojn, konojn; rolludan rememorigilon; liston de materialoj el antaŭaj numeroj de Juna Amiko – indikante la ĉapitron en TT2 kaj numeron, paĝon en la gazeto (ili estas uzeblaj por variigi, plifortigi la temon); enhavo-indekson, kiu montras ankaŭ la ekvivalentajn ĉapitrojn el la unua eldono kaj la nov-enkondukitajn verbojn; kaj fine, sed ne malplej grave: la alfabetan listigon de verboj kaj aliaj vortoj.

Abundas ankaŭ *movadaj konoj* en la libro: kaj pri la historio kaj pri la nuntempo; krome ĝi havas veran ligon kun la E-vivo, ja la fonon de la libro formas internacia tendaro por junaj e-istoj. (Ni trovas rakontojn pri ekskursoj, pri internacia vespero – pri bone konataj programeroj dum junularaj renkontiĝoj...)

Ne nur la dialogoj, situacioj estas amuzaj, viglaj – ankaŭ la bildoj, la *ilustraĵoj*.

Ĉiujn tri kajerojn ilustris Pavel Rak – liaj tipaj, agrablaj figuroj amuzas kaj lernantojn kaj instruistojn, ili ofte klarigas, helpas la komprenon. Same, ankaŭ metodikan funkcion havas la kvar koloroj, kiuj – krom la tabeloj, enketiloj, piktogramoj ktp – buntigas la lecionojn.



Aldone al la libro pretiĝas instruista gvidilo (ĝi aperos - antaŭvideble - en la unua parto de 1998). Ĝi indikos la ĉefan instrucelon por ĉiu paĝo, proponos teknikojn kaj aktivaĵojn por efike prezenti kaj ekspluati la enhavon de la paĝo. Ĝi prezentos facile kopieblajn laborfoliojn por kelkaj paĝoj.



Oni povas mendi la lernolibron ankaŭ ĉe UEA (15 NLG kun triona rabato ekde 3 ekz. plus 10 % por sendokostoj) aŭ ĉe ILEI, Pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario. Unu ekzemplero tie kostas 15 NLG (inkl. sendokostojn), ekde tri ekzemploj po 10 NLG, ekde naŭ po 8 NLG. *Erika Tóth, Gyál (Hungario)*

## Evento de la jaro: espeRom

La komputiloj en la lastaj jaroj ŝanĝis nian vivon. Krom la baza utiligo (teksto- kaj bildoprilaboro, datumbazoj, kalkuloj ktp) aperas ĉiam pli da akcesoraj komponeroj, ebligantaj novan utiligon (aŭskultado de radioelsendoj, filmoj, animaĵoj, ktp. La amasiĝinta materialo estas storata i.a. en komputilaj laserdiskoj, codoromoj. En la vendejoj abundas tiaj diskoj, sed ĝis nun vane ni serĉis E-materialon.

Stefan Fisahn en la Universitato por Biblioteka kaj Informa Scienco en Stuttgart kiel diplomverkon devis produkti codoromon. Kaj se jam produkti, kial ne fari ĝin pri E-aferoj? Por pretigi la unuan ekzempleron kunlaboris ankaŭ Tilman Meierfrankenfeld el Münster, kaj la eldonadon financis kaj entreprenis Germana Esperanto-Asocio. La disko "espeRom" estas kolektaĵo de plej diversaj E-materialoj, programoj, tekstoj, sonoj, filmoj kaj legaĵoj! Ĝi estas farita per HTML-tekniko (la sama kiu estas en la interreto por TTT-paĝoj), do iu ajn povas uzi ĝin sen aparta scio pri komputilaj aferoj. La kompakt-disko ebligas ne nur legi diversajn tekstojn, sed ankaŭ povas montri moviĝantan filmon pri E-aranĝoj. La uzanto povas aŭskulti muzikon de E-kantistoj, aŭskulti fragmentojn el la E-lingvaj radioelsendoj, do vere estas utila materialo. Kaj ĝi estas nelastavice bonega propagando-materialo! Nepre indas havi ĝin!

Por plene eluzi ĉiujn eblojn de la disko, estas necese havi komputilon PC 486DX66 kun min. 4 MB memoro, 12 MB libera loko sur la durdisko, sonkarto (SoundBlaster-kongrua), CD-ROM-legilo (min. 2 x rapido) kaj VGA-monitoro. Ĝi funkcias ankaŭ sur malpli rapidaj komputiloj, sed tiukaze oni devas iom pli atendi por apero de novaj paĝoj kaj eble la filmoj ne havos perfektan sonon.

"EspeRom" estas uzebla precipe per Windows3.x, Windows95, MacOs kaj Unix sistemoj. La disko mem enhavas ĉiujn necesajn programojn.
Post la startigo ĝi instalas (anglalingvajn) programojn Iviewpro (html-legilo), Quick Times (por filmoj) kaj Winplay3 (por sonoj), sed kompreneble oni povas uzi la diskon per jam ekzistantaj programoj kiel Netscape aŭ Explorer, ktp.

Por prezenti, kiom vasta estas la materialo, jen iom da (tute ne plena) listigo de interesaĵoj: - Bildoserio, ekz. kolora foto de Zamenhof
- Programoj, ekz. Supersigno (2.01) makrooj, E-literumilo, la serio PCE1-5 (inkluzive EBEA!)
- Ludoj, ekz. Angela, Aventuro
- E-litertipoj, ekz. serio de Eve-93, pluraj latin-3 tiparoj por DOS kaj Windows
- Gazetoj, ekz. Esperanto-Aktuell, GEJ-gazeto, Eventoj, Monato, Kontakto, Esperanto, La Gazeto, Sennaciulo ktp.
- Plena manlibro de Esperanto-Gramatiko, PMEG
- Interretaj aferoj: retadresaro (97.01.01) kun 1255 adresoj, flavaj paĝoj, Virtuala E-biblioteko, babilkanalo IRC, esp-faq ktp.
- Dokumentoj: Bulonja deklaracio, Ekzercaro (de Zamenhof), la 16 reguloj, principaro de Frostvallen, Deklaracio de Tireso, Manifesto de Prago, ktp.
- Organizoj: informoj pri UEA, TEJO, GEA, IKEF, SAT, FEL ktp.
- Kursoj: Gerda malaperis (sonanta), hispane, germane, ktp.
- Legaĵoj: la tuta Biblio, fabeloj de Grimm, Glinda de Oz, Muminvalo, poemoj, rakontoj por infanoj ktp.
- Muziko: Ĵak Le Puil, Tutmonda Muziko, Flavio Fonseca, Kajto, Ono Takao ktp.
- Radioelsendoj: programeroj el Kubo, Varsovio, Sarajevo, Vatikano
- Vortaroj: Komputika Leksikono (!), rokterminaro, Terminoteko, ktp.
- Movadaj aferoj: Lingvopolitiko por Esperanto, Informado sen mitoj, Esenco kaj estonteco de la lingvo internacia (LLZ).
- Filmoj: pri FAME, UK, IS ktp.

Kompreneble la kompilado estis subjektiva, kaj dependis ankaŭ de la disponebla materialo, sed certe la enhavo estas ege ampleksa! Pripensu: sur unu disko troveblas kaj PMEG, kaj Komputika leksikono, kaj Biblio, kaj EBEA kaj... Aktualaj novaĵoj pri espeRom estas troveblaj en la Interreto ĉe:
http://machno.hbi-stuttgart.de/~sf/esperom/
Kaj fine: kiel oni povas havigi por si la diskon? Ĝin vendas pluraj libroservoj kaj vi povas ankaŭ mendi ĝin kontraŭ 30 germanaj markoj ĉe la aŭtoro:
*Tilman Meierfrankenfeld, Pleistermuhlenweg 109, DE-48155 Münster, Germanio. Tel./Fakso: +49-251-316983. Rete: meierfr@uni-muenster.de*

*(El Interredaktoro)*

# Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj



*Esperanto – internacia lingvo*

**32ª ILEI-Konferenco**
**8ª-14ª aŭgusto 1998**
**Montpellier – Francio**

**Temo:**
**Lingvoinstruado, ponto al la mondo**

**Konferenca numero:**

Ĉiu aliĝanto uzu apartan aliĝilon, fotokopion aŭ samformatan paperon. Bv tajpi aŭ skribi preslitere.

FAMILIA NOMO ................................................ VIRO/VIRINO
(por alfabeta ordigo) (forstreku unu)
PERSONA(J) NOMO(J) ................................................
ADRESO (nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo) ................................................
................................................
LANDO ................................ TEL N° (kun prefikso) ................................
PROFESIO/FAKO ................................................

Mi aliĝas al la Konferenco laŭ la kondiĉoj presitaj sur la sekvaj paĝoj kaj pagas al la ILEI-Kasisto:
**Mi legis, komprenas kaj akceptas la kondiĉojn de ĉi tiu aliĝilo.**

DATO ................................ SUBSKRIBO ................................

---

| | |
|---|---|
| KOTIZO (vd. sekvan paĝon) | .................. |
| KONFERENCA KASO | .................. |
| KOLEGHELPA KASO | .................. |
| BANKKOSTOJ | .................. |
| ENTUTE (en guldenoj) | .................. |

---

Se vi aliĝas kiel handikapulo, ĉu ILEI jam havas atestilon? *jes/mi kunsendas* (forstreku unu)

**La kotizoj varias depende de la loĝlando de la aliĝanto, laŭ jena grupiĝo:**

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj ĉi-sekve sub B

B: iamaj socialismaj landoj de orienta Eŭropo; ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko), Afriko kaj Latinameriko.

La kotizoj estas pagendaj al la ILEI-Kasisto laŭ jenaj vojoj:

a) al ILEI-konto ĉe UEA: ilek-a, indikante: „ILEI-Konferenco";

b) al poŝtĝirkonto N° 68 21 17-7, ILEI, Södra Rörum pl 455, SE-242 94 Hörby, Svedio. Bv aldoni NLG 10,00 por bankaj kostoj;

c) per via banka konto al la antaŭa adreso. Bv aldoni NLG 10,00 por bankaj kostoj.

## Por elekti la ĝustan kotizon, bonvolu atente legi la sekvajn klarigojn:

| Kotizoj validaj | ĝis 98 03 31 1-a periodo | | ĝis 98 06 30 2-a periodo | | ekde 98 07 01 3-a periodo | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aliĝkategorio | A | B | A | B | A | B |
| 1. Membro de ILEI | 30 | 25 | 36 | 30 | 42 | 35 |
| 2. Ne ILEI-ano | 38 | 32 | 46 | 39 | 54 | 45 |
| 3. Gimnazia instruisto, junulo, handikapulo | 24 | 20 | 29 | 24 | 34 | 28 |

*(La prezoj estas indikitaj en nederlandaj guldenoj!)*

**Kotizoj por loĝado + matenmanĝo:**

En ĉambro *kun* necesejo kaj duŝejo (limigita nombro):

*dulitaj (6) kaj trilitaj (2): 265 NLG*

En ĉambro *kun komunaj* necesejo kaj duŝejo:

*Unulita ĉambro: 225 NLG*

*Dulita ĉambro: 215 NLG*

**Manĝoj:**

Surloke eblas manĝi, sed vi devas mendi ĝin plej malfrue ĝis la 31-a de majo 1998. Post tiu dato ne plu eblas mendi manĝojn. La loĝprezo ne inkluzivas tag-, kaj vespermanĝon, nur la matenmanĝon. La nunaj prezoj (ŝanĝoj povas okazi, do, bv. legi informojn en venontaj numeroj de IPR):

*Tagmanĝo: ĉ. 19 NLG aŭ 55 FRF*

*Vespermanĝo: ĉ. 17 NLG aŭ 50 FRF*

La manĝoj estos pagendaj surloke.

_____ *Mi mendas ĉambron (propraj necesejo kaj duŝejo) dulitan / trilitan*

_____ *Mi mendas ĉambron (komunaj necesejo kaj duŝejo) unulitan / dulitan*

_____ *Mi antaŭmendas tagmanĝon.*

_____ *Mi antaŭmendas vespermanĝon.*

_____ *Mi estas vegetarano.*

_____ *Mi havas dieton, nome.........................................................*

_____ *Mi deziras loĝi kune kun................................................................*

_____ *Mi antaŭmendas tuttagan ekskurson (aparte pagenda).*

*Pagon de ............ mi faris al ........................... en valuto ........................*

**DIFINOJ**

***Membro de ILEI:*** tiu, kiu jam pagis kotizon al ILEI por la jaro, kiam okazas la konferenco

***Gimnazia instruisto***: tiu, kiu instruas kadre de ILEI-Gimnazio dum la Konferenco

***Junulo:*** tiu, kiu naskiĝis post 68 01 01 inkluzive

## SEKCIESTROJ
### DE ILEI

**Albanio**: Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, Tirana

**Argentino**: Teresita Alaníz, Hipólito Yrigoyen 2578 P5 Dto 30, AR-1090 Capital Federal

**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria 3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*

**Aŭstrio**: Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, AT-1190 Wien

**Belgio**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

**Brazilo**: Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)

**Britio**: Arnold Pitt, Yew Tree Cottage, Ivington Road, Leominster, Herefordshire HR6 8QD

**Ĉeĥio**: Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratiškovice 938

**Ĉinio**: Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *dedhea@public.wh.hb.cn*

**Finnlando**: Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lesti.kpnet.fi*

**Francio**: Fernand Micoud, 8 rue des Maures, FR-69320 Feyzin

**Germanio**: Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn

**Hungario**: József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*

**Italio**: Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma 🖳: *m.latorre@uniroma3.it*

**Japanio**: Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, 181 Japan

**Kroatio**: Ivan Bekavac-Basić, Kušlanova 59, HR-10000 Zagreb

**Kubo**: H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana

**Nederlando**: Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@pi.net*

**Norvegio**: Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod

**Rumanio**: Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara

**Rusio**: Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *miha@mastak.sitek.ru*

**Svedio**: Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby

**Svislando**: François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne

**Usono**: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521, Usono 🖳: *72644.2450@compuserve.com*

## REPREZENTANTOJ
### DE ILEI

**Armenio**: Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan

**Bharato**: Abani Halter, Jamboni, P.O. Bolpur 731204, W. Bengal

**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branilaca grada 15/V, BIH-71000 Sarajevo

**Bulgario**: Kiril Velkov, D. Todorov 9, BG-3000 Vraca

**Ĉilio**: Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, Séptima Región

**Danio**: Wolfgang Kirschstein, Hvedebjergvej 30, DK-8220 Brabrand 🖳: *WK@cci.dk*

**Estonio**: Eve Otse, Liivalaia 30-12, EE-0001 Tallinn

**Hispanio**: Pedro M. Martin Burutxaga, Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes(Katalunio)

**Irano**: Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 13445-915, Teheran 🖳: *IREJO@neda.net*

**Islando**: Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur

**Israelo**: Murjan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv

**Jugoslavio**: Radojica Petrovic, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Cacak 🖳: *radp@emi.yu*

**Kostariko**: *vakas*

**Koreio**: So Ĵin Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kangnam, Kugali Kihung-up, Yongin-gun, Kyonggi-do 499-900

**Litovio**: Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius

**Nov-Zelando**: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 1.

**Pollando**: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7m. 122, PL-30150 Krakow

**Portugalio**: João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande PT-1675 Pontinha

**Sanmarino**: Marina Michelotti, Contrada del Collegio 51, SM-43031 San Marino.

**Slovakio**: Anton Zachariás, Sobotské námestie 6, SK-05801 Poprad.

**Slovenio**: Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana

**Tanzanio**: Mramba Simba, S. L. P. 1051, Bunda Mara

**Togolando**:Afantchao-B.Yao, B.P. 20225 Lome

**Ukrainio**: Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev

**Uzbekistano**: Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*

**Venezuelo**: Prof. J.E. Bachrich, Apartado 70782, Caracas 1071 A

**Zairio**: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, Lukala (Bas-Zaïre)

## LABORKOMISIONOJ

**Didaktikaj ludoj:** Georges Sossois, rue du Basson 79, BE-6001 Marcinelle, Belgio; tel. (+32 71) 43 62 05

**Eksteraj rilatoj:** Raymond Wyllemann - Belgio (prezidanto), Marija Beloŝeviĉ - Kroatio, Marcel Delforge - Belgio, Ronald Glossop - Usono, Mireille Grosjean - Svislando, Francois Lo Jacomo - Francio, Bruno Masala - Francio

**Ekzamenoj:** prez.: Mag. Atilio Orellana Rojas (adreso, kovrilo 2). Sekretario de elementa kaj meza niveloj: Hans ten Hagen, (adreso, kovrilo 3)

**Elekto komisiono:** Agneta Emanuelsson - Svedio, Doroteo Holland - Usono, Gwenda Suttun - NovZelando

**Eŭropa Komunumo kaj informado en pedagogiaj medioj:** Raymond Wylleman

**Gazetara servo kaj informado:** *vakas sed pretas kunlabori:* Germain Pirlot, Steenbakkerstr. 21, BE-8400 Oostende; tel. (+32 59) 70 87 00 kaj Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, AT-1190 Wien, Aŭstrio; tel. (+43 222) 36 86 29

**Konkursoj lernejaj:** Géza Kurucz, Nyíri u. 11, HU-6000 Kecskemét, Hungario

**Lerneja kontaktigo kaj statistikado:** Provizore plenumata pere de *Juna amiko*

**Statuto:** Rob Moerbeek kaj Hans ten Hagen

**Terminologio:** Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma, Italio

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag

**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam

**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*): Place Fontenoy, FR-75007 Paris.

Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 21 rue Juliette Dodu, FR-75010 Paris

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

La membreco inkluzivas ricevon de kvar numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto. **Kasisto de ILEI:** *Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio; poŝtĝirkonto 682117-7 (Stokholmo).* Membrokotizoj en landoj kun sekcio: a) A-kategoriaj landoj (vidu UEA-dividon): 22 NLG al la sekcio aŭ 25 NLG rekte al ILEI. b) B-kategoriaj landoj: 20 NLG al la sekcio aŭ 22 NLG rekte al ILEI. c) En landoj sen sekcio: 20 NLG, pago al ILEI rekte. d) Simpla abono sen membreco (por E-societoj, bibliotekoj k.s.): 30 NLG. Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Euroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago kaj la internan konton de ILEI: *ilek-a*. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.

## REDAKCIAJ INFORMOJ

Kontribuaĵoj al IPR estu laŭeble nete tajpitaj per nigra rubando sur blanka papero kun adekvataj marĝenoj, taŭga por aŭtomata komputila enlego, aŭ surpapere prespretaj. Livero sur IBM PC-kongruaj disketoj (5,25 aŭ 3,5 colaj) bonvenas. Retadresoj: *nlalt@konyvtar.c3.hu* (redaktoro), *smidik@rik.bdtf.hu* (vicredaktoro). Ni ambaŭ povas akcepti faksojn per komputilo, sed avertu nin telefone antaŭ ol vi faksas. Telefon- kaj faksnumeroj: (+36-89) 315-836 (red.) kaj (+36-94) 320313 (vicred.). Fakaj artikoloj prefere ampleksu 3 ĝis 8 presitajn paĝojn. Pedagogiaj novaĵoj, informoj pri edukaj aranĝoj, interŝanĝaj gazetoj kaj leteroj al la redakcio bonvenas. Ni recenzas nur ricevitajn eldonaĵojn iel rilatantaj al edukado aŭ utilaj en instruado. La nunan numeron mi sendis al la presejo la 19-an de januaro 1998, la sekvan mi sendos la 14-an de aprilo 1998. (J.N.)